XXI^a jaro. N° 304 (12) ☆ Monata ☆ Decembro 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15^a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Bonan jaron al diligenta kolegaro.

Bonan jaron 1926 ni tutkore deziras al nia diligenta kolegaro laboranta por la komuna celo en ĉiuj partoj de la mondo. Ĝi estu jaro de koncentrigo kaj metoda plifortigo de nia homa kaj lingva trezoro. Dum 1925 Esperanto faris grandan paŝon antaŭen ĉe la publika opinio.

Per la rekomendo de la Ligo de Nacioj, per la scienca kaj komerca konferencoj, per la Somera Universitato, per la decidoj de internaciaj kongresoj pri Radio, Aviado kaj Teknika Gazetaro, fine per la enmeton de Esperanto en artikolon VII de l' Universala Telegrafa Regularo kiel oficiale rekonata lingvo klara, ĝi gajnis ĝeneralan konsideron kiel fakte ekzistanta kaj diversloke akceptita helplingvo.

En Genève saĝuloj en la Centra Komitato diris: „Ne kuru tro rapide, por ke la spaco inter la famo kaj la fakto ne fariĝu distanco.“ Ili pravis. Nun ni havas sufiĉe da rezolucioj por iom da tempo. Ni uzu ilin kaj antaŭ ĉio ni uzu Esperanton.

Ĉu nia adeptaro, ĉu nia vortaro estas plene sufiĉaj por la rolo de nia lingvo en la mondo? Ne. Ambaŭ bezonas pliriĉigon. Dum 1926 ni devas varbi novajn esperantistojn kaj revarbi malnovajn per kursoj elementaj kaj superaj, ne kun 50 lernantoj en komenco kaj 5 en fino, sed seriozaj, ĝisfundaj, kun 10 personoj, eĉ kun 6 aŭ 7 de l' unua ĝis lasta leciono, ke ĉiuj povu lerni per ekzerco kaj parolo.

Ni devas eldoni verkojn utilajn, ne bagatelaĵojn, sed kelkajn bonajn librojn en klara stilo kaj ĉefe tradukojn el faka vivado kaj scienco por pliriĉigi nian vortaron. Sekvinda ekzemplo venas el japanaj universitatoj, kie aperis rimarkindaj ilustritaj studoj pri medicino. Ne ĉiuj estas scienculoj, sed ekzistas fakoj pli facilaj. Ekzemple turismo kaj geografio. Kial ni ne havus en Esperanto riĉan libraron pri ĉiuj landoj de la mondo. Ĉie ŝtatoj, fervojaj kompanioj aŭ turistaj oficejoj povas eĉ finance helpi tian eldonadon. Se ĉiuj grupoj presigus bonan gvidlibron pri sia urbo, tio estus jam laŭdinda rezultato. Utila laboro ne mankas.

Ŝajnas, ke malfeliĉa Eŭropo nun retrovas iom da reamikeco inter siaj popoloj. Tiun ĝojigan tendencon ni povas plej efike antaŭenpuŝi kaj firmigi per nia ĉiutaga laborado por Esperanto. Efektive la vera paco kaj reciproka interkonsento inter nacioj dependas, ne sole de solenaj subskriboj inter ŝtatistoj, sed pli profunde certiĝas el la koroj kaj spiritoj de l' homoj.

La 15-an de Decembro ĉiuj esperantistaj grupoj en la tuta mondo tion asertas kortuŝe per forta komuna kunpensado kaj sentado. La inspiro Zamenhofa lumigu nian vojon en 1926!

*Edmond Privat.*

 SOCIA VIVO 

# Teorio kaj praktiko pri dungado de kripluloj de Henry Ford.

(Esperantigita de *Alice Wicks* laŭ la afabla permeso de S-ro H. Ford).

Neniu petante laboron estas malakceptata pro fizika difekto. Tiu ĉi plano de agado efektiviĝis la 12 januaro 1914, je la tempo kiam la minimuma salajro fiksiĝis je kvin dolaroj potage, kaj la labortago je ok horoj. Samtempe alia kondiĉo determinis, ke neniu estu maldungata pro fizika difekto, krom, kompreneble, en la okazo de infekta malsano. Mi opinias, ke, se industria institucio plenumigas sian plenan rolon, ĝi devas ebligi sekcion de siaj dungitoj montri ĉirkaŭ la samajn proporciojn kiel sekcio de ia ordinara societo. Ĉiam ni havas la kriplulojn kaj lamulojn inter ni. Ordinare oni konsideras ĉi tiujn personojn kiuj estas fizike malkapabligitaj, kiel ŝarĝon je socio kaj ni subtenas ilin per almozo. Ekzistas kazoj, mi supozas, kiam la subteno necese fariĝis almozo, kiel ekzemple idioto. Sed ĉi tiuj kazoj estas eksterordinare malofta, kaj mi spertis, ke estas eble, inter la granda nombro de diversaj taskoj kiuj devas esti faritaj ie en la kompanio trovi eblecon, je produkta bazo por preskaŭ ĉiu. La blindulo aŭ kriplulo povas fari en la preciza loko je kiu li estas metita, ĝus tiom da laboro kaj ricevi precize la saman pagon kiel tute nedifekta viro. Ni ne preferas kriplulojn, sed ni elmontrigis, ke ili povas gajni plenajn salajrojn.

Estus tute ekster la spirito de nia celo dungi virojn, ĉar ili estas kripluloj, pagi al ili malaltan salajron kaj kontentiĝi je pli malgranda elmetaĵo. Tiu eble, rekte helpus la virojn, sed ne helpus ilin je la plej bona maniero. Ĉiam la plej bona maniero estas tia kiu metigas ilin sur produktiva egaleco kun la nedifekta viro. Mi opinias, ke ekzistas tre malofte okazo por almozdonado en ĉi tiu mondo — tio estas almozdonado en la senco de donacoj. Certe, negoco kaj almozdonado ne povas esti kunigitaj; la celo de fabrikejo estas produkti, kaj ĝi malbone helpas ĝeneralan socion se ĝi ne produktas je la plej ekstremo de sia kapableco. Ni tro prete kredas sen esploro, ke la plena posedo de kapableco estas necesa kondiĉo je la plej bona plenumado de ĉiuj aferoj.

Por eltrovi la situacion precize, mi klasigis ĉiujn diversajn taskojn je la speco de maŝino kaj laboro — ĉu la supozata laboro estas facila, meza aŭ peza; ĉu ĝi estas malseka aŭ seka laboro; proksima al forno aŭ fornego; la kondiĉo de la aero; ĉu necesas uzi unu manon aŭ ambaŭ; ĉu la laboristo staras aŭ sidas je sia tasko; ĉu ĝi estas brua aŭ kvieta; ĉu ĝi devigas precizecon; ĉu la lumo estas natura aŭ arta; la nombro da pecoj manumigitaj pohore; la pezo de la materialo manumita; la priskribo de la penigado je la laboristo. Tiu ĉi enketo montris, ke je tiu tempo estis 7882 diversaj taskoj en la fabrikejo. El ĉiuj tiuj 949 estis klasigitaj kiel peza laboro bezonante fortajn, praktike fizike perfektajn virojn; 3338 postulis virojn de ordinara fizika disvolvo kaj forto. La aliaj 3595 taskoj ne montris bezonon de fizika forto kaj fariĝas per la plej maldikaj, malfortaj viroj. Efektive, la plej multaj povus esti bone faritaj de virinoj aŭ pli aĝaj infanoj. La plej malpezaj taskoj estis klasigitaj denove por eltrovi kiom da ili devigas la uzon de plenaj kapablecoj, kaj mi trovis, ke 670 povas esti faritaj per senkruraj viroj, 2637 per unukruraj viroj kaj 10 per blinduloj. Tial inter 7882 diversaj taskoj 4034 — kvankam kelkaj el ili postulas fortecon — ne bezonas plenan fizikan kapablecon. Tio estas, ampleksa industrio povas havigi salajratan laboron je ia norma asocio. Se la taskoj de la speciala industrio aŭ ĉe la speciala fabrikejo estis analizitaj same kiel la niaj, la proporcio povus esti tre malsama, tamen mi estas tute certa, ke, se la laboro estas sufiĉe subdividata — subdividata je la vidpunkto de la plej severa ekonomio — estos nenia manko de lokoj en kiuj la fizike difektulo povas fari taskon de normala viro kaj ricevi la saman salajron. Ekonomie estas tre malŝpareme akcepti kiel ŝarĝon, kripligajn virojn, kaj poste instrui al ili malgravajn taskojn kiel la plektado de korboj aŭ alia neprofita manlaboro, ne esperante helpi ilin, sed por eviti, ke ili senkuraĝiĝu.

Kiam la Dunga Fako dungas viron, la teorio estas doni al li taskon taŭgan je lia kondiĉo. Se li jam havas taskon, kiun ŝajne li ne kapablas plenumi, aŭ li ne ŝatas sian taskon, oni donas al li transigan karton, kiun li alportas al la transiga fako, kaj, post ekzamenado oni donas al li alian taskon por provi se ĝi pli taŭgas al lia kondiĉo aŭ inklino. Tiuj kiuj estas fizike sub la normala grado fariĝas ĝuste tiel bonaj laboristoj, taŭge lokigitaj, kiel tiuj kiuj superas ilin. Ekzemple oni metis blindulon en la proviza fako por nombri ŝraŭbojn aŭ ŝraŭbingojn sendotajn al filiaj fabrikejoj. Du aliaj nedifektaj viroj jam laboris je tiu tasko. Post du tagoj la ĉeflaboristo sendis letereton al la transiga fako, liberigante la nedifektajn virojn, ĉar la blindulo ne nur povas fari sian propran taskon, sed ankaŭ faris la laboron antaŭe faritan de la sendifektuloj.

Ĉi tiun ŝparon oni povas plilarĝigi. Ordinare oni akceptas kvazaŭ cedita, ke kiam viro ricevas difektaĵon, simple li estas ekster la konkuro, kaj deviĝas ricevi kompensadon. Sed, ĉiam okazas periodo de resaniĝo, speciale en kazoj de ostrompaĵoj, kiam la viroj sufiĉe fortiĝas por labori, ĉar la plej granda akcidenta kompensado neniam povas egali la salajron de la viro. Se ĝi povus, tiam la industrio simple portus aldonatan imposton kaj tiu imposto montriĝus en la kosto de la produktaĵo. Malpli granda aĉetado de la produktaĵo rezultus, kaj pro tio, malpli da laboro al iuj. Ĉiam oni devas memori, ke tio estus neevitebla rezultato.

Ni eksperimentis kun viroj longe kuŝintaj en lito — viroj kiuj povas sidi supre en la lito. Ni metis nigravakstolajn kovrilojn sur la litojn kaj laborigis la virojn ŝraŭbi ŝraŭbingojn al malgrandaj ŝraŭboj. Ĉi tiu estas laboro kiu deviĝas esti manfarita kaj kiu ĉiam okupas dekkvin aŭ dudek virojn en la magneta fako. La viroj en la malsanulejo povas ĝin fari tute tiel bone kiel la viroj en la fabrikejo, kaj ebligas ricevi ordinaran salajron. Efektive, mi kredas, ke ilia produktaĵo estis ĉirkaŭ 20 % super la norma produktaĵo ĉe la fabrikejo. Neniu viro estis devigita labori kontraŭvole. Sed ĉiuj deziris ĝin fari. Ĝi evitis la tempon enuigi ilin. Ili dormis kaj manĝis pil bone kaj resaniĝis pli rapide.

Nenia speciala prizorgo devigas je la dungitaj surdmutuloj. Ili faras sian laboron 100 %. La tuberkulozuloj — kaj ordinare ĉirkaŭ 1000 estas dungataj — ordinare laboras en la materiala savfako. Tiuj kazoj oni opinias infektaj, laboras kune en budo speciale konstruita. Plejparte ili laboras en la plena aero.

Je la tempo de la lasta analizo de la dungitoj estis 9563 subgradaj viroj. El ĉi tiuj 123 havis kripligitajn aŭ amputitajn brakojn aŭ manojn. Al unu mankis ambaŭ manoj. Estis 4 blindaj viroj, 207 blindaj je unu okulo, 253 kun unu okulo preskaŭ blinda, 37 surdmutuloj, 60 epileptuloj, 4 al kiuj mankis aŭ ambaŭ kruroj aŭ ambaŭ piedoj, 234 al kiuj mankis aŭ unu piedo aŭ unu kruro. La aliaj havis malpli grandajn malhelpaĵojn.

La tempo bezonata akiri kapablecon je la diversaj okupadoj estas jene: 43 % el ĉiuj la taskoj postulas ne pli ol unu tagon de instruo; 36 % postulas unu tagon ĝis unu semajno; 6 % postulas unu ĝis du semajnoj; 14 % postulas unu monaton ĝis unu jaro; 1 % postulas unu ĝis ses jaroj. Ĉi tiuj lastaj okupadoj bezonas grandan lertecon — ekzemple la faradon de iloj kaj patricoj. La disciplino tra la tuta fabrikejo estas rigida.

# Du formoj de „Homaranismo“.

## La Bahaa movado kaj Esperanto.

Paroloj če la bahaa kunveno dum la XVII-a Universala Kongreso de Esperanto en Ĝenevo la 5-an de aŭgusto 1925.

Kiam homoj interrenkontas, estas nature ke ili ĝoju ekkonante en si reciproke similajn emojn kaj aspirojn. Hodiaŭ kiam bahaanoj kaj esperantistoj interrenkontas, estas nature ke ili deziru ekkoni en si ambaŭflanke tiun ĝojigan parencecon. Verdire, tia ekkono, en la nuna okazo, ne estas peniga; la parenceco inter ambaŭ movadoj estas fakto aperanta klare al ĉiu iom atenta rigardo.

Oni ne sufiĉe scias, ekstere de la Bahaa movado, ke jam longe antaŭ ol Esperanto disvastiĝis, la fondinto de Bahaismo, Baha Ullah, petis pri starigo de internacia lingvo, kaj eĉ enskribis tiun pripeton inter la ĉefaj punktoj de sia doktrino. Pli malfrue, kiam Esperanto ekaperis, Baha Ullah ĝoje salutis ĝin, kaj arde konsilis, ĝian uzadon al siaj disĉiploj. Oni aliflanke ne sufiĉe scias, ekstere de la esperantaj rondoj, ke la kreinto de la internacia lingvo, Zamenhof, petis insistege pri interkompreno de la diversaj kaj tro ofte malamikaj religioj, kaj pri la starigo de neŭtrala religio homara.

Fakte, oni eĉ rajtas diri ke en la spirito de Zamenhof, la demandoj pri homara lingvo kaj homara religio estis nur ambaŭ flankoj de la sama problemo, kiu estis la problemo de lia vivo, kaj lin jam okupis kaj korturmentis de la infaneco. Tio, kio instigis la tutan agadon de Zamenhof estas ke li, jam de tiu juna aĝo, suferis pro la disiĝo kaj furioza malamikeco kiujn li vidis en la homoj ĉirkaŭ si, kaj kies la ĉefa kaŭzo estis certe, laŭ lia opinio, la lingva kaj religia nekompreno.

Tie-ĉi mem en Ĝenevo, dum la dua kongreso de Esperanto, 1906, tiel parolis Zamenhof pri la malordoj de 1905 en sia lando:

„En la stratoj de mia malfeliĉa urbo de naskiĝo, sovaĝaj homoj kun hakiloj kaj feraj stangoj sin ĵetis kiel plej krudaj bestoj kontraŭ trankvilaj loĝantoj, kies tuta kulpo konsistis nur en tio, ke ili parolis alian lingvon kaj havis alian gentan religion, ol tiuj ĉi sovaĝuloj. Pro tio oni frakasis la kraniojn kaj elpikis la okulojn al viroj kaj virinoj, kadukaj maljunuloj kaj senhelpaj infanoj . . . . .

„Oni scias nun tute klare, ke kulpa estas aro da abomenindaj krimuloj, kiuj per diversaj plej ruzaj kaj plej malnoblaj rimedoj, per amase dissemataj mensogoj kaj kalumnioj, arte kreas teruran malamon inter unuj gentoj kaj aliaj. Sed ĉu la plej grandaj mensogoj kaj kalumnioj povus doni tiajn terurajn fruktojn, se la gentoj sin reciproke bone konus, se inter ili ne starus altaj kaj dikaj muroj, kiuj malpermesas al ili libere komunikiĝadi inter si kaj vidi, ke la membroj de aliaj gentoj estas tute tiaj samaj homoj kiel la membroj de nia gento, ke ilia literaturo ne predikas iajn terurajn krimojn, sed havas tiun saman etikon kaj samajn idealojn kiel nia? Rompu, rompu la murojn inter la popoloj!“

Kaj Edmond Privat*), citante tiujn parolojn, rimarkas ke Zamenhof travivis kaj pensis jam preskaŭ la samon „estante bonkora knabeto en Bjalistok.“

Oni de nun komprenas, kio estas la radiko de tio, kion oni nomas la „interna ideo“ de Esperanto. Tiu interna ideo ne estas io mistera, pri kio oni bezonus esti ensekretigata, kaj Esperanto tute ne estas okultismo. Sed tiu movado havas spiriton, kiu ĝin movigas. Kaj tiu spirito estas precipe la dezirego, forigi la pasiajn antaŭjuĝojn, la blindan nekomprenon starigitajn inter la homoj per la reciproka malamikeco de la kredoj kaj la diverseco de la lingvoj. Oni nun facile komprenas kia rilato ekzistas inter la du demandoj kiujn pripensis, dum sia tuta vivo, Zamenhof. Estas kvazaŭ rilato inter esprimo kaj penso, aŭ, laŭ filozofia vortaro, inter materio kaj formo, kiuj estas nenio, unu sen la alia.

*) En sia bela libro „Vivo de Zamenhof“ el kiu mi ĉerpis tiun kaj la sekvantajn citaĵojn.

Oni ankaŭ komprenas sur kiu kampo Bahaanoj kaj esperantistoj interrenkontas. Tiu kampo estas tio, kion Zamenhof nomis „homaranismo“. Mi pruntas ankaŭ el Zamenhof mem la difinion de tiu vorto:

„La homaranismo estas instruo, kiu, ne deŝirante la homon de lia natura patrujo, nek de lia lingvo, nek de lia religianaro, donas al li la eblon eviti ĉian malverecon kaj kontraŭparolojn en siaj nacia-religiaj principoj kaj komunikiĝadi kun homoj de ĉiuj lingvoj kaj religioj sur fundamento neŭtrale homa sur principoj de reciproka frateco, egaleco kaj justeco“.

*

La aspiro al pli larĝa, homara kaj humana religio certe ne estas nova. Oni eĉ rajtas diri ke ĉiuj movadoj de religia liberiĝo, komence de la Reformacio, laboris al tiu celo. Sed la precipaj fontoj de kiuj devenas la nuna aspiro al homara unueco estas troveblaj en la arda fermentado de ideoj, kiu okazis dum la 18-a jarcento. Mi memorigu tie-ĉi pri la francaj filozofoj konataj je la nomo de „enciklopedistoj:“ Diderot, kiu ekkriis „Larĝigu, larĝigu Dion“ Voltaire, kiu arde batalis por toleremo. Mi memorigu ankaŭ pri J. J. Rousseau, pli lirika, pli fervora, pli aŭtentike religia spirito ol la aliaj. De tiuj filozofaj originoj devenas la ideoj de la franca revolucio, kaj la tuta moderna movado al demokrateco kaj internacieco. Ĉu mi ankaŭ bezonas mencii la grandan nomon de Kant, kiu ne nur starigis bazon por la tuta moderna filozofio, sed ankaŭ, en malpli konata verketo, bazon por la senĉesa paco inter la popoloj?

Sed de tiu bolanta fonto de liberigaj ideoj, devenas du tre diversaj fluoj: Unuflanke religiemaj movadoj — liberkreduloj aŭ liberkristanoj — aliflanke liberpensuloj kaj pozitivanoj kiuj dum la 19-a jarcento pasie kontraŭbatalis ĉion religian. La lukto fariĝis kelkokaze tre akra.

De tiam kelkaj spiritoj serĉis kampon sur kiu interkonsento povos okazi. Ili memoris ke unuflanke eĉ la metafizikisto Kant kvazaŭ forigis la „Puran teorian racion“ el la religio, kaj emis iel identigi tiun-ĉi kun la etiko, kun la „praktika racio“. Ili ankaŭ memoris ke, aliflanke, la fondinto mem de pozitivismo, Auguste Comte, spite de sia malamikeco al metafiziko, celis starigi iun, „religion de Homaro.“ Ĉu ne do la etiko mem, se nur ĝin vigligas ia fervora sento, estas la larĝa religia bazo sur kiu la homoj povas interrenkonti, eĉ kiam ili tute diverse opinias pri metafiziko aŭ dogmo?

Tiel naskiĝis, dum la dua duono de la 19-a jarcento, unue en Ameriko kaj poste en Eŭropo, societoj de bonvoluloj kiuj, kun diversaj nomoj — „Ligoj por morala agado“, „Societo de liberpensuloj kaj liberkredantoj“, „Grupo Etiko kaj kulturo“*) — celis precipe kunigi personojn malsame emajn koncerne metafizikajn problemojn, sed same dezirante labori por etika tuthomara idealo. Tamen oni ne povas diri ke tiaj societoj estigis ĝis nun tre gravan religian movadon. Tie-ĉi mankas verŝajne la varma afekta blovo, la etika sento de genia profeto. Eble nur Tolstoj en nia okcidento sukcesis dum la lastaj jardekoj fervorigi samajn ideojn per la impeta religia pasio kiu ardis en li.

La programo de Bahaismo ankaŭ similas tiun de la etikaj grupoj pri kiuj ni ĵus parolis. Ĝia franca historiisto, H. Dreyfus eĉ skribis ke Bahaismo estas „la sola kampo sur kiu religio kaj liberpenso povas interkonsenti“ ĉar ĝi estas religio senpastra, sendogma, kiu tute celas al la etika agado. Tial ni ne devas miri, ke antaŭ nelonge pozitivisma scienculo, Auguste Forel, tute aprobis Bahaismon. Sed aliflanke Bahaismo havis certe pli da dinamika forto ol la ĵusnomitaj societoj, ĉar ĝi naskiĝis en la pasiaj kaj mistikaj kondiĉoj en kiuj naskiĝis ĉiam la grandaj religioj. Ĝi ne estis societo trankvile fondata kaj administrata

*) La lasta adoptis Esperanton por sia propagando.

per pacemaj burĝoj; ĝi stariĝis el la koro de „religia geniulo" kaj ĝi kreskis inter persekutado per fajra fervoro kaj tuta sindonemo. El tio ĝi ĉerpis ĝian forton kaj efikecon.

*

Unu el la plej gravaj punktoj en la bahaa doktrino estas certe la devo de amikeco kaj interfratiĝo ne nur inter la individuoj sed ankaŭ inter la popoloj. Ambaŭ Baha-Ullah kaj Abd-ul-Baha esprimis tion per fortaj kaj profetaj tonoj.

„Tamen tiel estos, diris Baha-Ullah; ĉi tiuj senfruktaj malpacoj, tiuj detruaj militoj forpasos, kaj la „Plej Granda Paco" venos . . . . . Ĉiuj homoj devas esti kiel unu parencaro kaj unu familio . . . . . Homo ne gloru pri tio ke li amas sian patrolandon; sed plivole pri tio ke li amas la tutan mondon."

Kaj Abd-ul-Baha:

„En tiu-ĉi sankta epoko, la konflikto kaj malpaco estas tute ne permesindaj. Ĉiu atakanto sin senigas de la Dia favoro. Ĉiu devas montri la plej grandan amon, justecon, sincerecon al ĉiuj popoloj kaj gentoj de la mondo, ĉu amikoj, ĉu fremduloj. La spirito de amemo kaj bonfarado devas tiagrade regi la korojn ke la fremdulo sin sentu amiko; la malamiko, vera kunulo, kaj ĉiu plej malgranda postsigno de malkonsento estu forigita; ĉar la universaleco estas Dia, kaj la limoj estas homecaj . . . . .

„Vin gardu kontraŭ antaŭjuĝo; lumo estas bona, en kia ajn lampo ĝi brilas; rozo estas bela en kia ajn ĝardeno ĝi floras; stelo havas la saman brilon ĉu ĝi radias el la oriento ĉu el la okcidento."

Oni vidas: la idealo de Zamenhof kaj de Esperanto, konsentas tute kun tiu-ĉi; la brilo de la okcidenta stelo respondas al tiu de la orienta.

„La intergenta diseco kaj malamo, skribas Zamenhof, malaperos nur tiam, kiam la tuta homaro havos unu lingvon kaj unu religion . . . Daŭros tiam en la homaro tiuj diversaj malpacoj, kiuj regas interne de ĉiu lando kaj gento, kiel ekzemple mapacoj politikaj, partiaj, ekonomiaj, klasaj ktp.: sed la plej terura el ĉiuj, la malamo intergenta, tute malaperos."

Li aliloke pli precizigis sian koncepton pri etika religio; sed ĉiam li insiste rediras ke tiu religio de la nuna homaro nepre konsideros la internacian devon kiel unu el la plej urĝaj

„Lasante al ĉiu homo plenan liberecon havi tian internan kredon, kiu ŝajnas al li plej bona, mi proponas nur krei neŭtralan *eksteran kadron,* kiu povus etike, more, kaj komunume unuigi inter si ĉiujn memstare pensantajn homojn, sendepende de tio, kio estas la filozofie-teologiaj kredoj aŭ hipotezoj de ĉiu el ili.

„Ni proponas starigi *neŭtrale-homan etikan regularon,* kiu povus fari el la homoj homojn kaj forigus la abomenindan gentan ŝovinismon, kaj la malamon kaj maljustecon inter la gentoj; sed por ke tiu etika regularo ne restu efemera kaj tute senvalora, kiel multaj aliaj ĝisnunaj belaj teoriaj principoj, ni proponas doni al ĝi la formon de tute konkreta, por ĉiam fiksita, infanaĝe ensuĉebla, kaj aŭtomate heredebla religio."

*

Mi esperas ke mi ne ofendos bahaanojn nek esperantistojn, dirante ke bahaismo kaj Esperanto ne estas la solaj movadoj kiuj nun direktiĝas al la homaranaj celoj. Sed certe tiuj ambaŭ movadoj estas inter la plej viglaj, la plej efikaj, kiuj progresas sur tiu reĝa vojo.

„Vojo utopia" mi aŭdas diri. Tute ne. Unue, labori neniam estas utopio. Poste, ni scias tiel bone ol iu ajn, ke la interpopola malamo estas, pli ol iam, gravega danĝero por la homaro, kaj povas ĉiumomente detrui nian eŭropan civilizacion; ni scias ke amo kaj bonvolo ne vivas en multaj koroj; ni scias ke la nuna epoko estas terura. Sed ju pli ĝi estas terura, des pli ĝi estas „sankta". Ĉar ni ankaŭ scias ke kompensado estas biologia kaj psikologia leĝo. Eĉ ofte okazas „superkompenso" — por uzi la vorton de nuna psikologo, Alfred Adler. — Ni forgesu neniam la klasike simbolan ekzemplon de Demosthenes, kiu ĉar li estis balbutulo, volis fariĝi, kaj fine fariĝis, oratoro.

La homoj kiuj ĉiam ripetas: „Nia epoko estas tro malbona por ebligi ke ni eĉ deziru trafi ian pli noblan celon." Tiuj homoj, kaj ne ni, estas tro optimismaj. Se ili ekkomprenus *kiom* ilia epoko estas malbona, ili tuj dezirus mortfali, aŭ aliokaze, la tendenco kompensiga ekaperus en ili, kaj ili nur pasie volus labori por starigi kondiĉojn de pli inda vivo. Mi tiun temon pripensis dum malluma tago de la lasta decembro, kaj tiu pripensado fariĝis poemo. Vi permesos ke mi finu hodiaŭ per tiu poemo de *Kristnaska Espero,* ĉar ni ĉiuj, laboristoj de homaranismo, konas ankaŭ tiun esperon. Ĝi estas cetere tiel maljuna kiel la homaro, ĝi estas la forto ankoraŭ mistera, per kiu la vivo senĉese kuracas sin mem, senĉese renaskiĝas el sia propra detruo.

Plej longa nokto inter noktoj,
Kaj plej nigra en la jaro,
Vin por festi la esperon,
Vin elektis la homaro.

Solstica nokto en decembro,
Iam en vi preĝo kanta
Sonis al la dia Suno
Mortinta kaj renaskiĝanta.

Sankta nokto en decembro,
La preĝa kanto de l' kristano
Sonas nun en vi por laŭdi
La naskiĝon de l' Infano.

Ĉar instinkto mira volas
Ke el la fundo de sufero
La homoj vidu nur pli klare
La nordlumon de l' Espero.

Ho vi senama nia tempo,
Plej nigra nokto el jarcentoj
Ni kantos en vi nur pli kore
La himnon de homamaj sentoj*).

*Charles-Baudouin.*

*) Oni trovos du artikolojn, pri Bahaismo kaj pri Esperanto, en mia angla-lingva libro „Contemporary Studies", (eld. Allen & Unwin, London).

 EL NATURO KAJ SCIENCO 

# Teorio de koloroj.

S-R. Palaĉori.

La plej delikata inter la homaj sentoj, la vidsento montras al ni la mondon kiel mozaikon da diverskoloraj formoj kaj variadoj. Granda parto de la pura kaj aplika artoj bazas sur la uzado de la koloroj, kiuj elvokas agrablan senton, se la koloroj formas harmoniajn seriojn, simetrajn arojn, aŭ regulajn ripetaĵojn, simile je la harmonio kaj reguleco de sonoj (kanto, muziko) aŭ de movoj (danco, ludo).

Ankaŭ en la praktika vivo la koloroj havas gravan rolon, pri kiu oni ordinare ne pensas. Ruĝa kaj verda lumo servas por sendanĝera dumnokta navigado de la ŝipoj kaj cirkulado de la vagonaroj. Multekoloraj flagoj estas utilaj interŝipaj signiloj kaj rekoniloj de la nacieco aŭ kompanio. En la armeo, administrado, tekniko oni uzas diverskolorajn markojn, rubandojn, insignojn por oportuna distingado de la malsamaj unuoj, klasoj, gradoj kaj specoj. Libroj kaj gazetoj, kiuj aperas serie kaj regule, havas siajn kolorojn de l' kovrilo, kiuj parolas al la okulo de malproksime. Ĝardenisto konas maturecon, kvaliton de siaj fruktoj dank' al iliaj koloraj nuancoj, kaj forĝisto observas koloron de l' ardita fero por kapti taŭgan momenton de la forĝado aŭ hardigado. La fiziologio eltrovis, ke la koloroj, laŭ sia speco, povas bone aŭ malbone influi disvolvon de kreskaĵoj, aŭ evoluon de kelkaj homaj malsanoj ktp.

**Historio.** — Angla scienculo *Newton* fine de la 17-a jarcento eltrovis, ke blanka sunradio, trairinte triedran prismon, eliras dismetita, kiel ventumilo malfaldita, kaj prezentas multekoloran rubandon, nomitan la spektro. Tiu eltrovo instigis postajn sciencistojn funde studi la kolorojn, ordigante kaj kombinante ilin. En la sekvinta jarcento scienculo *Lambert* (1772) resumis laborojn de siaj antaŭuloj, kaj proponis ordigi ĉiujn purajn kaj miksitajn kolornuancojn sur la duobla konuso, kies du pintoj prezentis la nigran kaj la blankan, kaj kies meza zono entenis rondan serion da spektraj puraj koloroj. Dum lasta milito *Ostwald* reprenis ideon de Lambert, kun kelkaj personaj plibonigoj, kaj farigis koloritajn modelojn. Post Lambert la kolorteorio malmulte progresis ĝis la 19-a jarcento, kiam *Chevreul* (m. 1889) disvolvis ĝin sur firma eksperimenta bazo. *Lacouture* tion aplikis por industrio, kaj liaj koloraj modeloj restas ĝis nun neatingeble perfektaj. Lastatempe *Hagen* (1911) reprenis ideon de Lambert, sed ĝin multe perfektigis, uzinte anstataŭ duobla konuso la plenan sferon (bulon); lia sistemo ŝajnas esti plej bona el ĉiuj, kaj se li ĝin prezentus kolorite, laŭ metodo de Lacouture, li atingus superon de ebla perfekteco. Paralele kun la nomitaj scienculoj kelkaj optikistoj progresigis la kolorstudon per spektra analizo kaj ondoforma lumteorio.

**Faktoj.** — Krom maloftaj esceptoj la tuta lumo dumtaga devenas el la suno, kies radioj formas per sia tutaĵo la impreson de blanka koloro. Ĉiu povas konsenti, ke la koloro de freŝa neĝo, rigardata en tago nubekovrita, estas pure *blanka* koloro. Tiu blanka koloro rezultas el unuforma miksaĵo de la ĉiela bluo kaj de la suna flavo. Sed en la praktiko la diferenco inter la pure blanka koloro kaj la koloro de l' suno (se ĝi staras sufiĉe alte) estas sensignifa. Malalta suno aspektas flava, oranĝa, kaj eĉ ruĝa, laŭ la stato de la aero. Gutoj da roso respegulas al ni sunradiojn hele koloritajn, la samo okazas de la neĝo sunlumita. Gutoj da pluvo povas al ni montri la spektrajn kolorojn en formo de ĉielarko. Multfaca peceto da vitro aŭ multedra diamanto ankaŭ kolorigas la trairintan lumon. La suna spektro prezentas ne nepre sep kolorojn, sed pli aŭ malpli, laŭ la cirkonstancoj, aŭ laŭ la analizforto. Estas facile distingi naŭ kolorojn en la suna spektro:

*ruĝa, oranĝa, flava, flavoverda,*
*verda, turkisa, blua, indiga, viola.*

Estas neeble eldiri per vortoj la sentojn kiujn ni nomas la koloroj, sed oni povas ilin montri en la spektro mem, facile ricevebla per trifanka (triangula) prismo vitra. Se tiu spektro estas sufiĉe longa, oni distingas inter la ruĝa kaj oranĝa intermezan koloron kiu povas esti vidata ĉe maturaj tomatoj. La flavoverda (aŭ junverda) estas observebla ĉe junaj folioj kaj en elĝermanta grenkampo. La turkisa estas koloro kiun oni vidas ĉe la horizonto de pura taga ĉielo, aŭ ĉe turkisaj ŝtonoj. La blua, tio estas la vere blua, koloro estas la zenita ĉielbluo. La indiga estas nomita laŭ la kolora substanco produktata de l' konata kreskaĵo (aŭ de ĝia kemia anstataŭaĵo). La viola (aŭ lila) estas tre komuna koloro ĉe multaj floroj: cejano, cikorio, violo, kampanulo, siringo k. a. La spektra rubando sekve povas esti figurita jene:

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| E-R | R | O | F | J | V | T | B | I | L | E-L |

Maldekstre de la ruĝa (E-R) kaj dekstre de la lila (E-L) la fizikistoj trovis la ekster-ruĝan (infra-ruĝa) kaj ekster-lilan (ultraviola) kolorojn, kiuj estas nevideblaj por la homa okulo.

Se ni transformos la spektran rubandon en la rondan figuron, tiamaniere, ke la E-R metiĝu kun la E-L, ni ricevos la dekan, novan koloron *purpuran,* kiun oni povas noti per litero P. La purpura estas intermeza inter la ruĝa kaj viola. Se la leganto mem desegnos la cirklon, dividos ĝin je 10 egalaj partoj, kaj enskribos la 10 literojn, li ricevos oportunan skemon de la dek „puraj" koloroj. Li tuj rimarkos, ke la sektoroj de lia cirklo formas kvin parojn: PV-LJ-IF-BO-TR. Du koloroj de ĉiu paro estas „malaj", aŭ kontrastaj, ĉar ili okupas la plej distancajn lokojn sur la cirklo. Ju pli najbaraj estas du koloroj, des pli parencaj (similaj) ili estas.

**Teorio.** — Lumo estas vibra ondado. Lu ruĝo havas 400 bilionojn da vibroj en unu sekundo, la flava 500, la blua 700 b. v., diranta proksimume. La blanko estas miksaĵo de ĉiuj spektraj koloroj. Se la koloroj miksitaj prezentiĝis en materiaj farboj, tiam anstataŭ la blanka aperas griza koloro. Mikso de la flavverda kaj turkisa donas helan verdon. Mikso de flavo kaj blua donas palan verdon. Mikso de flavo kaj indigo donas la blankon. Ĝenerale ĉiuj kontraŭaj (kontrastaj) koloroj, miksitaj po du, aspektas blanke:

la verda kaj purpura kune aspektas la blanka
la turkisa kaj ruĝa „ „ „ „
la blua kaj oranĝa „ „ „ „
la indiga kaj flava „ „ „ „
la lila kaj junverda „ „ „ „

Miksaĵo de du nekontraŭaj koloroj aspektas des pli intensa ju pli proksimaj ili estas, kaj des pli blankpala ju pli malproksimaj. Se ni, laŭ propono de *Hagen,* ordigos niajn kolorojn sur la bulo, tiam la du polusoj prezentos la blankon kaj la nigron, la ekvatora zono enhavas dek bazajn purajn kolorojn:

R-O-F-J-V-T-B-I-L-P,

kaj la du duonsferoj entenos ĉiujn pli- kaj malpli-helajn nuancojn de la dek bazaj koloroj. Ekzemple la cinama estos inter la nigra poluso kaj la oranĝa, la roza inter la blanka poluso kaj la purpura; por pli klare distingi la nuancojn, ni povus dividi la mezan zonon je 20 partoj, intermetinte grizan koloron inter ĉiu paro de la spektraj. Tiam inter la du polusoj estus dek kolorenuancitaj kaj dek grizenuancitaj, ĉiuj egalaj, partoj. Laŭ fiziologia vidpunkto la nigro estas ankaŭ koloro, ne la foresto de la koloro, kiel erare afirmis kelkaj aŭtoroj, bazante sin sur la fizika diro, ke la nigro estas absoluta senlumo, t. e. foresto de ĉia lumo. Finfine do ni havas praktike oportunajn 12 kolorojn (2 neŭtrajn kaj 10 kvalitajn), kies kunmeto po du, en diversaj proporcioj, havigas ĉiujn milojn da nuancoj.



# LITERATURO



## En Arbaro Petriŝora.

Mihail Sadoveanu.

*Mihail Sadoveanu* (*1880) la plej granda kaj fekunda majstro de la rumana prozo. Lia skribmaniero estas kerneca, sinteza, plena je liraj elementoj. Liajn verkojn vualas la melankolio de l' homo meditanta pri la pasemo, pereo de la vivfortoj. Pro la subtilaj noveloj, skizoj, historiaj kaj sociaj romanoj *Sadoveanu* estis elektita membro de la Rumana Akademio. — Inter liaj skizoj la plej artvalora estas „In Padurea Petrisorului“ priskribanta agonion kaj morton de mortevundita kapreolino en mistika mondo de l' arbaro vibranta de mil vivenergioj.

Estis fino de aŭgusto, kaj la arbaro Petriŝor, maljuna kaj nedifektita de homa mano, silente disvolvis la foliaran arkaĵon. Ĝi milde suriris longecajn montetojn, leviĝis malproksimen je danĝera altaĵo, de kies pinto, kiel sago, altiĝis ĉielen malnova pinarbo, plejunue anoncanta per profunda muĝo la alvenon de l' ventoj. Tiel ĝi supreniris kviete okcidenten, kaj de l' orienta ĉielo la suno komencis penetri ĝiajn profundojn.

Ĉe la randa arbetaĵaro la lumo filtris densan, varman radiopluvon; svarmoj da muŝetoj rondflugadis, kunplektiĝis en rapida ludo, jen brilante en lumo, jen malaperante. Oriolo kuŝis senmova sur fagobranĉo etendiĝinta al suno; ĝia plumaro brilis kiel ovoflavo; ĝi etendis sian koleton de tempo al tempo kaj eligis pepofajfon kiu vekis fortan eĥon inter la branĉoj de l' arbaro. Birdetoj surŝutitaj de diversaj koloroj, vokis unu la alian de sur elastaj branĉetoj: kardeloj estis kun sangmakuloj, paruoj-globetoj kun griza kaj nigra plumaro, fringeloj kun brikeruĝaj brustetoj. Ili rigardadis per la okuloj brilaj kiel pinglopintoj, jen ili malfermis la bekojn kaj kantis melodiajn vokojn, jen malpeze forflugis kaj post ili ekbalanciĝis la vergoj, tremigante la brilajn foliojn.

La vibrado de l' etulara vivo filtriĝis tra tiu rando arbara, kiel dum ĉiu somermateno. Aro da insektoj kun diafanaj flugiloj, bluaj flugiletoj, kunkruciĝis, papilioj ludis super la densa herbaro, kie varmaj parfumoj kolektiĝis. Kaj en kaŝejo fosita en la tero, inter foliaro kaj stoplejo, sidis ruĝeta leporo, kaŭre, kun oreloj lasitaj sur la ĝiba dorso. Karesita de la varmo, ĝi dormetis: subite malfermis la okulojn, poste malrapide fermis ilin kaj movetadis la fenditan nazon, kvazaŭ en sonĝo.

Sur la vojetoj, ene, ankoraŭ estis malseke. Nur kelkloke, ĉe senarbejoj, eniĝis longaj radigarboj oraj. Filikeroj saltadis de la radikoj de l' pinarboj, plenaj je diamantaj gutetoj; maldika pajlo trapenetris la mortan foliaron kaj alportis al radio, donace, bluetan fajreron. Estis plena trankvilo, sed en la grandaj densejoj, ĉi- kaj aliloke, senteblis vivomovo: enprenetris malklara voko, mola, estingiĝanta; malgrasa karpeno ŝanceliĝis; kelkan tempon zumis la flavaj folioj de l' pasintaj jaroj.

Tagmeze voĉo de korno flugis de herbejo al herbejo. La ĉashundaro eĥe respondis: kiaf! kiaf! Ankaŭ homaj voĉoj aŭdiĝis. Kaj sur la vojetoj, el la lumo enpaŝis du homoj per la okuloj esplorantaj la densejojn. Unu estis „la boero“*) rekonebla pro la verdŝtofa vesto, ĉapeleto kun garola plumo, pura kaj brila pafilo, sen ĉano. Li estis ankoraŭ juna viro, plenvizaĝa, saneruĝa, kun eta liphararo blonda, kun ventregeto. Bone nutrita homo, kun kontenta mieno kaj gajaj okuloj. La alia, la arbaristo, estis alta kaj larĝŝultra plenfortulo kun dika liphararo malhela, sed kun klara kaj serena rigardo. Li havis ĉe la kokso, maldekstre, saketon kun latunaj butonoj, kaj ŝultre li portis pafilon, sub kies ĉano, por ke ne rustiĝu la ŝtalo, li metis po unu peceto da lepora pelto.

„Voku do, Vasile, la hundojn . . .“ diris la boero, turnante sian kapon al la arbaristo.

Vasile prenis de la kokso, dekstre, la kornon, levis ĝin al la buŝo, kaj eligis tri longajn voĉojn direktitajn reen, al la rando arbara. Ankoraŭ vibris la dolĉaj resonoj, kiam respondis unu hundo, akre bojante trifoje.

„Jen mia ĉashundo“, diris Vasile, etendante la orelon. Alia bojo, pli plena, pli forta, estis aŭdebla. La arbaristo komencis vokadi:

„ Na, na, Friŝka, naa!“

La bojoj proksimiĝis. Bela, nigra hundo, kun ruĝeta nazo, aperis survoje je dudek paŝoj. ĝi rigardis dekstren, maldekstren, poste ĝi kuris al la du ĉasistoj.

„Tien ĉi, Osman! krias la boero. Kie vi estis, fripono? . . .“

Rampante, kiel lacerto inter arbetaĵoj, suriĝis la vojeton ankaŭ la hundo de l' arbaristo, malforta ke ĝiaj ripoj videbliĝis tra la felo. Vasile levis la manon kaj kliniĝis al la hundo. Friŝka veboje surkuŝis la teron, poste eksvingis la voston.

„Nun ni ekiru, moŝto Grigorica**), diris la arbaristo, returnante sin. Ni iros ĉiam pli antaŭen. Kaj fine, sur tiu vojeto, ne eblas ke ni ne trovu kaprojn. . . Mi vidis ilin ankaŭ hieraŭ. . .

Ili ekiris per senbruaj paŝoj, en longaj botoj, sur la malseka vojeto. La hundoj trankvile vagadis malantaŭe.

„Jen, ĉi-loke, sur tiu-ĉi rando, mi mortpafis du lupojn pasintjare“, diris Vasile.

—Ĝuste tie-ĉi? demandis moŝto Grigorica.

—Ĝuste, tie ĉi, du. Aliajn mi ja trovis aliloke. . . Kion mi faras, kiam ekneĝas? Nu, tion ankaŭ mi entreprenas. . . Mi preferas tiujn monstrojn, granda afero. . . Mi nek manĝas, nek trinkas, finiĝis! . . . Mi venas, moŝto Grigorica, kaj trovas postsignon sur tiu-ĉi vojeto. . . Pluraj piedoj estis sur la neĝo. . . Pasis Sankt' Andreo, la sovaĝuloj vagadis are. . . Mi trovas postsignon, mi esploras ĝin, mi retrovas ĝin ekster la arbaro, ĝis iu loko, mi trovas ĝin al la vilaĝo, poste almarĉe, returne. . . Mi ekpensas, ke ili estas en la marĉo. . . Kaj mi tiel atingis la randon, de l' arbaro, moŝto Grigorica, mi kliniĝis inter la arbetaĵo kaj mi komencis bleki al ili. . . Mi blekas unufoje, mi blekas dufoje, ĝis kiam mi aŭdas, ke ili respondas al mi el la marĉo. . . Tie ili estis, inter la kanoj. . . Mi denove vokas ilin, kaj mi atendas iom. . . Tiam mi rimarkis, ke ili elvenas. . . Sesope. . . Unu granda, antaŭe, jen tia, moŝto Grigorica, (kaj Vasile blasfemis kaj montris per la mano, de la tero, la alton de la lupo). Mi ekblekas, ili haltas, flaras la venton, poste ili ekiras al mi, trenante la vostojn surneĝe. . . Mi silentas. . . Ili proksimiĝas. Tiam mi levas la pafilon, kaj mi elektas la plejantaŭan, la plej grandan. . . (Nun Vasile denove insultis, patrinflanke, la grandan lupon antaŭan). Mi elektis ĝin, moŝto, kaj pafinte, ringo fariĝas sur la neĝo. . . Kaj kiam la dua saltas sur tiun ĉi, mi prenas ankaŭ tiun al la okuloj, kaj malŝarginte, mi renversigas ĝin kruce sur la unuan. . .“

Kun alia blasfemo, la arbaristo haltis, rerigardis al la hundoj, poste li esploris la ĉanon de l' pafilo.

„Kaj la aliaj?“ demandis moŝto Grigorica.

—La aliaj foriĝis al la patrino de l' diablo. Kial ili atendu ankoraŭ?

La boero kontente ridetis. Dumire li elprenis la tabakon, donis cigaredon al la arbaristo, ankaŭ li mem fumis unu; Vasile frotis fajroŝtonon, ekbruligis, kaj nun ili iradis silentaj tra la malvarmeto de l' arbaro, sub la arkoj de l' branĉoj, tra radifalaĵoj, jen tie-ĉi, jen tie.

Sciuro grimpis sur branĉotrunko en ilia vojo. Momenton ĝi rigardis per la nigraj okuletoj, ĝi postkuris branĉeton, saltis kiel bruna harpilko al alia branĉo kaj perdiĝis inter la folioj.

*) Rumana nobelo. La kamparanoj tiel nomas ankaŭ la bienestrojn, sinjorojn.

**) Gregoreto, Gregorĉjo

La boero ekatentis, kun la mano sur la pafilo; poste li trankviliĝis, kiam Vasile diris:

„Jen kompatinda besteto . . .“

Tiel ili iris kelkan tempon en plena trankvilo, tra la malseka, akra odoro de l' arbaro. Pegoj martelis la arboŝelojn, melodiaj voĉoj venis de malproksime kaj estingiĝis inter la senmova foliaro.

Foje haltis la arbaristo.

Jen tie-ĉi, moŝto Grigorica, diris li. Ni iru tiel, dekstre tra ĉi-valeto. Gardu vin de la branĉaro, ĉar ĝi estas densa, diablo En la valo estas tre malseke, ne malproksimas la rivereto, tie estas la postsignoj . . .“

Ili venis malsupren, dekstre, sur milda deklivo, tra pradensejo ŝajninta muraro netrairebla.

„Senbrue . . .“ diris Vasile. Kaj lia voĉo ricevis strangan resonon, tremantan kiel ventoblovo en la valo.

Refoje ili iris kelkan tempon kaj ree haltis. La hundoj maltrankvile esploris. Vasile kliniĝis super la malsekan argilon.

„Vidu, rekonebla la freŝa postsigno . . .“

Ankaŭ moŝto Grigorica kliniĝis, atente rigardante. Poste li metis la saketon maldekstren, la ĉasponardon dekstren, plifirmigis la ĉapelon sur la kapo kaj preparis la pafilon.

Haj, Osman!“ vokis la arbaristo la hundojn. „Ekmovu la nazojn! Venu ankaŭ vi, Friŝka! . . . Ĉu vi ne sentas kaprodoron? . . .

La ĉashundoj subite ekiris laŭlonge de l' deklivo kaj malaperis inter la arbetaĵoj.

Vasile diris:

„Nun ni iru al la maldensejo kaj atendu . . . ili devas peli ilin . . . Ĉi-hundo mia, kiel vi vidas, konas ilin . . . Ĝi portas, moŝto Grigorica, la kapron al la buŝo de l' pafilo . . .“

La juna boero estis iom maltrankvila. Li profunde spiris dufoje kaj postiris Vasile-n, kun preparita pafilo. En la milda valo malfermiĝis senarbejo kvazaŭ dormanta en lumopolvo, en majesta soleco.

La arbaristo turnis la kapon. La boero ekskuiĝis. Hundbojo aŭdiĝis dufoje en la fundaĵoj, kvazaŭ sub senfina arkaĵo.

La du homoj atendis. Nenia birda voko estis aŭdebla, eĉ insektoj ne ĝenis la lumon. La bojado de l' hundoj denove komenciĝis, foje pli forte foje male, en regulaj intertempoj. La arbaristo levis la ĉaskornon al la buŝo kaj sonigis ĝin dufoje, — kaj la arbaro ŝajnis reviviĝi, ĝis malproksime resonante.

Foje neatendite, kiam ili aŭskultis kun atentemaj oreloj la resonantan hundobojon — el la densaj arbetaĵoj subite aperis, bruetante, griza cervineto, kun maldikaj kaj lertaj piedoj. Kiel sago ŝi pasis preter la boero, je dek paŝoj.

La arbaristo ekmoviĝis. Moŝto Grigorica suprensaltis, kvazaŭ time vekiĝinta el sonĝo, kun rapideco li levis la pafilon al la okuloj kaj rapide eligis du fajrojn, unu post la alia. Tra la disiĝanta fumo li vidis la kapreolinon en ŝia ventokuro laŭlonge de l' herbejo. Li glutis dufoje, kun tremantaj manoj premadis la pafilon kaj ŝargis ĝin denove. Sed post la fumo foriĝinta la arbaristo staras kun la armilo ĉe la okuloj

„Pafu!“ krias moŝto Grigorica.

La pafilo de Vasile ektondris. Ĝia krakobruo atingis la sonojn de l' unuaj du pafokrakoj. La sovaĝulino forsaltis inter la branĉoj, poste ili ambaŭ rimarkis ŝin kiel fantomon inter la brunaj trunkoj kaj ĉesis ŝin vidi.

La arbaristo ŝargis la pafilon. Li diris trankvile:

„Ŝi estis tro malproksime . . .“

La boero estis ekscitita kaj ĉagrenita.

„Diablo, kiel ŝi venis tiel?“ diris li rapide. Mi eĉ ne atendis . . . Mi priatentis la hundojn . . . Tro rapide mi pafis . . . mi rapidis . . .

— Senrimarke okazis . . . diris malrapide Vasile. Sed nenio . . . La hundoj devas peli al ni alian . . . Tie-ĉi estas ilia densejo . . .

Nun ili aŭskultis kun atentaj oreloj. La hundoj venis bojante. La arbaristo denove albuŝigis la kornon.

„Diablo, kiel?“ flustris mirante la boero kaj rigardis de proksime sian pafilon.

La silento etendiĝis. Ne plu aŭdeblis la bojado de l' hundoj. Kaj tra densa arbetaĵo, malgrandaj herbejoj, la kapreolino kuris pelata de timego, malproksimen, al la rivereto. Momenton ŝi haltis tremante, kvazaŭ antaŭ abiso. Poste, malrapidigante la kuron, ŝi faris lokon por si tra la foliaro, en la riverejo. Kun la du antaŭaj piedoj en ondoj, kun la aliaj en la herbaro surborda, ŝi staris samloke. Ŝia pelto briletis en ombroj: nur kun la delikata kapo, pintaj oreloj, grandaj okuloj, ŝi staris en lumrulaĵo. Ŝi aŭskultis iom. Poste ŝi klinis la kapeton kaj per la nazo altuŝis la akvon apud la maldikaj piedoj. Ŝi denove levis la okulojn. Tiam en la klarajn ondojn falis sangoguto. La antaŭa piedo maldekstra iom kuntiriĝis kaj ektremis. El la ŝultro sango fluetis. Poste pli ofte falis guto post guto, malklariĝis la akvo de la rivereto. La kapreolino milde klinis la kapon, kvazaŭ en la nebula spegulo ŝi volus rigardi la antaŭan duonon de l' korpo, en halta movo. Poste ŝi ŝajnis iom ĝemi kaj turnis la nigran nazeton al la sangmakulo. Tiel ŝi staris. De tempo al tempo ŝi kliniĝis al la akvo. De tempo al tempo tremis la griza felo. Kaj malproksime malantaŭe, sonis la ĉaskorno, kaj estingite, malforte penetris la hundbojo.

Malrapide ŝi retiriĝis al la surborda herbaro, ankaŭ la okulojn retiris en la ombron. La lumo falis nur sur la akvon. Ŝi suriĝis la molan tapiŝon. Foje-foje ŝi turnis la kapon al la sanga vundo. Sed sur la vojo, kie ŝi venis, neatendite aperis timigita kapreolo kun kornetoj alte tenitaj. Li haltis apud ŝi. Li etendis la kapon, priflaris ŝin. La kapreolino bleketis mallaŭte, apenaŭ aŭdeble, kvazaŭ ŝi estus dirinta ion malgajan, kaj levis la sekan nazon al la kapreolo. La ĉaskorna voĉo travibris la resonajn arkaĵojn: la kapro skuiĝis, lerte transsaltis la rivereton kaj malaperis en la densejo. Kvazaŭ timiga kaj fortodona teruro estus ŝin influinta, la kapreolino leviĝas kaj denove eniras la akvon. Lametante, nur sur tri piedoj, ŝi ekiris kun etaj saltoj malsovaĝaj, supren laŭ la rivereto Ŝi iris al la monteto kaj la sangogutoj konstante fluetadis laŭlonge de la maldekstra piedo kaj ili densiĝis je ruĝaj strioj. Ĉirkaŭe la branĉoj estis senmovaj; sur la bordoj dum ŝia preterpaso filikaro kliniĝis kaj denove rektiĝis, ekvilibrante sin; iom da tempo silvio ĉirpetis super ŝi, poste ĝi malaperis ie.

La tempo pasis. Foje-foje ŝvebis malvarma nebulo. En la maldensejoj la lumo tiriĝis al la pintoj de la branĉoj; grizŝela tremolo apenaŭ la foliaro, brilantajn en du akvoj.

La kapreolino iris supren laŭ la rivereto, al la monteto. Dekstre kaj maldekstre kreskis la bordoj. La ondoj venis pli rapidaj, ili murmuris inter la akraj ŝtonoj, jen saltis, jen dispeciĝis je arĝentaj buleroj. De ŝtono al ŝtono ŝi ŝanĝis la hufojn nigrajn kiel ebono kaj ŝi grimpis malrapide, dume sur ŝia piedo fluis varma sango.

Supre, sur la altaĵo, altiĝis al la blua ĉielo la pinarbo, anoncanto de l' ventoj. Pli sube, en ŝtona kavo, meze de rondo da betuloj, la rivereta akvo kolektiĝis je klara lago. Ĝi treme falis, glitante sur la musko de roko, kuniĝis, disiĝis, trankviliĝis en surfaco respegulanta la ĉielon kaj la helajn buklojn de la betularo, — poste ĝi reloje striiĝis kaj pluiris en la valo kun milda glito kaj senfina murmuro.

La kapreolino haltis inter la betuloj, en la alta herbaro, en malvarma ventoblovo forpelanta la ankoraŭ varmajn bonodorojn de l' sovaĝaj floroj. Ŝia kapo kun la nigraj, malgajaj okuloj, tuj aperis sur la akvospegulo, ĉe la bordo. Ŝi kuŝiĝis laca, malforta kaj restis muta, kun rigardo fiksita je la akvo, en la majesta trankvilo de l' arbarego. Ŝajne ŝi aŭskultis, ŝajne ŝi meditis, kaj de temp' al tempo trakuris ŝin tremo kuranta sub ŝia haŭto.

Ĉirkaŭ ŝi kreskis la ombro. La sunbriloj forviŝiĝis de la pintoj. Malofte ektremis la arbaro, poste ĝi iĝis trankvila, kvieta, kiel alimonde. Kaj la kapreolino restis sola; ŝia sango fluis en la mola herbaro surbordâ. Foje ŝi klinis la nazon al la surfaco, poste ŝi denove restis senmova. El senfina malproksimo alpenetris la melankoliaj akordoj de l' ĉaskorno, ĉiam pli malklaraj; la hundbojo mutiĝis; rapide alvenis la vespero, kaj la pinarbon sur la altaĵo trapasis malgaja ĝemo. En la trankvilo, sur la malhela ĉielo en la akvofundo, ektremis la ora larmero de l' unua steleto. La kapreolino apenaŭ aŭdeble muĝetis kaj ŝiaj okuloj brilis malgajaj en la lasta lumo de l' bordo. Tiel ŝi kuŝis sola kaj mortis sub la buklaro de l' betuloj kun la blankaj trunkoj.

El la rumana
*Tiberio Morariu.*

---

# Ĥina spirito.

(El: Historio de la mondliteraturo en unu leciono de Klabund.)

La kontrasto Konfucio — „racio ĉion ordiganta" kaj Laotse — „animo meditanta" ekvilibrigas Ĥinujon. Konfucio (551-a — 479-a antaŭ Kristo) estas la moralisto, la praktika politikisto, kiu donis al Ĥinujo ĝian patriarkan organizon de Ŝtato kaj familio. (Oni devas finatendi, ĉu la revolucio de 1905-a, kiun iniciatis kelkaj en Ameriko edukiĝintaj ĥinaj intelektuloj kaj kiu estis tute malĥina, havos daŭran sukceson.) Laotse estas la mistikulo, enprofundiĝinta en sin mem, kiu volas doni nur moralan ekzemplon kaj nepre evitas ĉiun aktivan, devigan realigon de etikaj postuloj. Li estas la unua, kiu klare esprimas la pacifisman emon de la Ĥino. „Kiu per saĝo helpas la Sinjoron de la Mondo, ne subigas la mondon per bataliloj." Laotse naskiĝis en la jaro 604-a antaŭ Kr. Li administris la regnan arkivon de la dinastio Chou kaj verkis la Tao-teh-king"*), kies senco estas: la homo ne devas vivi eksteren, sed de interne. Kvankam la klimata influo sendube kunefikis je la ekesto de la „tao-isma" homo, tamen ŝajnas al mi, ke la apartiga linio inter la orienta kaj okcidenta homo rekte tranĉas la animon de la homaro, kiu ekvilibras nur per la eterna leĝo de la kontraŭpezo, de la polareco, de la kontrasto inter tago kaj nokto, morto kaj vivo, dio kaj diablo, viro kaj virino, bono kaj malbono. La tipo de la orienta kaj okcidenta homo (oni povas nomi lin ankaŭ la homon de la (sun-) leviĝo kaj la homon de la (sun-) subiro) ekestas ĉie: en ĉiuj epokoj kaj popoloj kaj klimatoj. La faŭsta**) kaj la apolona, la sentimentala kaj la naiva homo estas paralelaj polarecoj. La orienta penso, kiel Laotse ĝin pensas, estas mita, magia pensmaniero, pensado pro si mem. La okcidenta penso estas laŭracia, empiria pensmaniero, penso pri si mem, penso pricela. La orienta homo bazas en si mem kaj havas sian celon nur en si mem. Lia mondo estas la interna mondo. La okcidenta homo estas „ekster si". Lia mondo estas la ekstera mondo. La orienta homo kreas la mondon, la okcidenta difinas ĝin. La okcidentulo estas scienculo, la orientulo estas saĝulo, divenulo, sanktulo, esenculo, kiu „kaŝportas siajn juvelojn sub mizera vestaĵo." La grandaj ĥinaj poetoj estas ĉiuj sub influo de Laotse, kiu en siaj sentencoj estas unu el la plej grandaj poet-filozofoj kiel Plato kaj Nietzsche. Liaj skolanoj Lie-dsi kaj Ĝuang-dsi pleje evoluigis la arton de la parabolo, kiu estas la arto, paroli samtempe kaj sammedie, per la samaj vortoj al homoj el tute diversaj regionoj. „La vera libro pri la neelĉerpebla fonto de la krea forto" — ĝia aŭtoro estas Lie-dsi, „la vera libro pri la suda lando de la floroj", ĝin verkis Ĝuang-dsi. Multaj el tiuj paraboloj reprezentas la plej belan kaj plej profundan en homa lingvo ĝis nun pensatan kaj esprimatan. Oni legu, oni revu la „papili-sonĝon" de Ĝuang-dsi: „Iam Ĝuang-ĝu sonĝis, ke li estas papilio, flugvaganta papilio, kiu sin sentis treege agrabla kaj feliĉa kaj kiu nenion sciis pri Ĝuang-ĝu. Nun mi ne scias, ĉu Ĝuang-ĝu sonĝis, ke li estas papilio, aŭ ĉu la papilio sonĝis, ke ĝi estas Ĝuang-ĝu, kvankam certe estas diferenco inter Ĝuang-ĝu kaj papilio. Tiel elektiviĝas la metamorfozo de la objektoj."

La ĥina literaturo estas tiom ampleksa kiom la granda ĥina regno mem. La plej antikva literatura dokumento estas surskribaĵo de la imperiestro Jao, ĉirkaŭe el la jaro 2400-a antaŭ Kr., kiu ektuŝas la temon pri la superakvego. Jam en tiu epoko la ĥina kulturo havis siajn firmajn trajtojn, akiritajn nur per longdaŭra tradicio de jarmiloj. — En la dekoka jarcento iu imperiestro projektis la presigon de elektaĵoj el la klasika literaturo. Tiu elekto ampleksis 163000 volumojn, el kiuj ĝis 1818-a proksimume 80000 eldoniĝis. Ni konas nur etan parton de tiu literaturo. Verŝajne la Europano povos fari ankoraŭ grandajn eltrovojn laŭ tiu rilato, kiuj eble ne estos malpli gravaj ol la eltrovo de Ameriko. Oni imagu, ke en la Munĥena Ŝtata Biblioteko troviĝas kolekto da ĉirkaŭe 10000 ĥinaj libroj, kiu ankoraŭ ne estas kataloge enregistrita.

La ĥina lingvo konsistas nur el unusilabaj vortoj, kiuj tute koncize sen interligo sekvas unu la alian. La substantivoj ne estas deklinaciataj, la verboj ne konjugaciataj:

Luno staras monto Brilo super arbaro. Malproksime fluto.
Hela silko. Knabino dancas.

Jen proksimume la fikcio de ĥina poemo, kun la escepto, ke la rimo mankas. La ĥinaj poemoj estas rimhavaj.

La vokalo, laŭ la nuanco de sia sono, donas sencon al la ĥina vorto. Unu vorto povas esti interpretata dudekoble. Skribita, ĝi varias ankoraŭ multe pli abunde, kvazaŭ floro. Alfabeto ne ekzistas. La skribo estas senlitera skribo. La skribsignoj vekas en la ĥina konscio, sen helpo de la sonoj, multkolorajn ideojn. Oni ekvidas signon — kaj pensas: funebro, malriĉeco, sankteco Oni kunmetas signojn. Ludeme. Oni konstruas mozaikon: okulo — akvo, signifas larmon. Senfinaj eblecoj por la poeto, kiu samtempe imagas, desegnas, formas kaj kantas sian poemon. Ĉiuj poemoj estas ankaŭ kantataj. Laŭ la Ĥino nur la lirika poeto estas vera poeto. Romanoj, noveloj kaj dramoj apartenas al la literaturo, sed ne al la poezio. Pro tio la aŭtoro de romanoj kaj dramoj ĝenerale rezignas pri sia subskribo kaj restas anonima. La redakton de la antikva ĥina popolkantaro de Ŝi-king (500-a antaŭ Kr.) prizorgis Konfucio, kiu estas ankaŭ la aŭtoro de belega „epitafo por militisto". La plej eminentaj pioniroj de la klasika ĥina epoko estas Kiu-juan (300-a post Kr.) kaj Mej-ŝeng 140-a post Kr.). Dum la dinastio Tang (618-a—907-a post Kr.) la poezio troviĝas en sia plej brila epoko, kies inda reprezentanto estas Li-taj-pe, eble la plej eminenta lirikisto el ĉiuj epokoj kaj popoloj. Li-taj-pe vivis de 702a—763-a post Kr. Kiel daŭre ebria, daŭre sankta vagulo li migras tra la ĥina mondo. Artsentemaj suverenoj invitis la glorfaman vaganton al sia kortego, kaj okazis sufiĉe ofte, ke la imperiestro humiligis kaj nobeligis sin mem, fariĝante sekretario de la poeto, kiam Li-taj-pe post drinkfesto diktis al li siajn versojn dum matenkrepuskaj horoj. La imperiestro, kiu frate amis la poeton kaj homon, faris lin imperiestra oficisto, fiksis renton por li kaj donacis al li kiel signon de sia favoro imperiestran luksvestaĵon — por Ĥino la plej alta honorigo. Vestita per ĝi, Li-taj-pe travagis ĉiujn vojon de la provinco, kaj vespere, tute ebria lasis sin adori kiel imperiestron. Aŭ li diris en la imperiestra vestaĵo ribelajn parolojn al siaj kundrinkuloj kaj al la popolo ĉirkaŭstaranta. Li mortis ebria, falante el la boato dum nokta boatveturado. Laŭ posta legendo delfeno savis lin kaj sub la protekto de anĝelecaj fantomoj en la supraj sferoj ĝi forkondukis lin sur la maron al eterna nemorteco. Lia popolo

*) Tao estas laŭ Laotse la plej alta potenco, la prakaŭzo de la fizika kaj etika mondo. King — eklezia libro, kanona libro.

**) Fausto — heroo de samtitola dramo de Goethe.

adoris lin kaj konstruis templon por li; la plej arteca el ĉiuj ĥinaj lirikistoj fariĝis ankaŭ la plej populara poeto. — Apud Li-taj-pe oni devas citi la elegian Tu-fu (714-a—764-a post Kr.) — La imperiestro Sien-tsung gravurigis la „mil poemojn“ de Pe-Kiu-ys (772-a—846-a post Kr.) en ŝtonojn kaj starigis la ŝtonojn sur sankta monteto. — Su-tung-po (1036-a—1101-a post Kr.) estas la kvara el la grandaj lirikaj majstroj. Li verkis la plej belajn ĥinajn poemojn pri amo. — Jang-ĉang-tsaj (1715-a—1797-a post Kr.) estas la plej konata el la postaj lirikistoj. Je la fino de la deknaŭa jarcento la eminenta politikisto Li-hung-ĉang akiris famon ankaŭ kiel lirikisto.

En la ĥinaj dramoj agas herooj, heroaj virgulinoj, sorĉistoj, demonoj. Ju malpli la ĥino mem estas kaj volas esti heroo, des pli li ŝatas, rigardi lin sur la scenejo. La ĥina teatro okazas en libera naturo aŭ en templa korto kaj bazas ekskluzive sur improvizado. Dekoracioj ne ekzistas. La kostumoj estas riĉaj kaj pompaj. La aktoro vestiĝas kaj ŝanĝas la kostumojn sur nefermita scenejo. La medio de la dramo estas simbole skizata. Ujo kun akvo signifas torentan pluvon. Flameto mondbrulon Muziko de tamtamo, violono kaj fluto akompanas la prezentadon, kiu ne estas interrompata de aplaŭdo. Silente la Ĥinoj staras sub arboj aŭ sidas sur seĝoj mem alportitaj. Cetere la aŭtoroj de la burĝaj komedioj ofte estas aninoj de la „duonmondo“, kiuj starigas el la profundo de sia koro „plenan mondon“.

La prozo montras kiel heroon de la okazaĵo preskaŭ ĉiam la samajn tipojn: studanton, kiu amas la filinon de mandareno. Senfinaj intrigoj, plenigantaj ofte centojn da volumoj, ĉirkaŭas la tuton. La aŭtoro jam en la tria volumo ne scias plu, kion li skribis en la unua, kaj en la dudeka volumo la herooj de la unua jam ĉiuj formortis kaj cedis la lokon al aliaj. La tuto ja nur estas, kiel sur scenejo, ŝanĝo de la kostumoj. — Ĉarmaj estas la ĥinaj fabeloj, malgrandaj noveloj kaj la rakontoj pri demonoj kaj fantomoj.

El germana lingvo
trad. *Elisabeth Bünemann.*

---

# Diraĵoj pri virinoj.

Komunikis *Alexandra Mexin.*

* *Virino estas religio.* Michelet.

*

* *Fidu virinon kiu amas, kia ajn estis ŝia pasintaĵo.* Strindberg.

*

* *Ludon kaj danĝeron bezonas viro, tial virino estas al li donita kiel danĝera ludilo.* Nietzsche.

*

* *Bela virino ne povas esti bona hejmestrino.* Itala proverbo.

*

* *Se la nazo de Kleopatra estus iomete malpli longa la mondo nun aspektus alia.* Pascal.

*

* *Malbona virino pli danĝeras ol febro.* Rusa proverbo.

*

* *Ne kiam kokino klukas, sed kiam koko kantas la suno leviĝas.* Birmana proverbo.

*

* *La plej belaj estaĵoj en la mondo — virinoj kaj rozoj.* Lamartine.

*

* *Virino ne imitu viron, el interilia kontrasto naskiĝas la harmonio.* Gina Lombroso.

# Tagiĝo sur la Tone en aŭtuno.

El „Naturo kaj Homo“ de *Roka Tokutomi.*

Antaŭ kelkaj jaroj, en la unua deko de novembro, mi noktis ĉe vilaĝo nomata Ikisu ĉe la maldekstra flanko de la rivero Tone. Ĉi tie kuniĝante kun siaj branĉriveroj, la Kitatone kaj la Kitaura, la ĉefrivero tiom larĝiĝas, ke ĝi estas preskaŭ du mejlojn larĝa de tiu ĉi flanko al Omigaŭa ĉe la kontraŭa bordo. La gastejo, kie mi gastis, staris tuj apud la riverbordo, kaj kiam mi vekiĝis meznokte, la knarantaj sonoj de remiloj aŭdiĝis apud mia kapkuseno.

Ĉe la tagiĝo mi leviĝis el la lito, kaj ĉar aliaj domanoj ankoraŭ ne vekiĝis, malfermis la pordon senbrue, kaj atinginte la randon de l' rivero, mi trovis tie amason da brullignoj. Foriginte la prujnon per la mano, mi sidiĝis sur la ligno-amason. Ĉio ankoraŭ estis vualita de krepuska mallumo, la ĉielo kaj la rivero ambaŭ estis plumbokoloraj. Tiam en kabano tuj malantaŭ mi, koko brave anoncis la alproksimiĝon de l' tagiĝo, kaj baldaŭ tiu ĉi „kokeriko“ estis respondita de l' malcerta voĉo de alia ĉe Omigaŭa trans la rivero. Tiu ĉi kokeriko interŝanĝata trans la granda rivero estas vere ĉarma kaj inspira. Mi opinias, ke en simila maniero la saĝulo de Chelsea*) kaj la filozofo de Concord**) intervokis unu al la alia trans la senlima Oceano Atlantika. Al mi ŝajnis, kvazaŭ la lumo de l' tagiĝo elŝprucus el tiu ĉi kokeriko kaj disfluus sur la vastan surfacon de la rivero.

Kelkajn minutojn poste la ĉielo super Omigaŭa ekfariĝis rozkolora; samtempe la supraĵo de la rivero ankaŭ iom rozkoloriĝis, kaj nebuleca vaporo rulleviĝis de la akvo. La transŝanĝado estis vere rapidega. La ombro de l' nokto estis forpelata al la malsupra parto de l' rivero, kaj la lumo de l' tagiĝo estis ĉie plenplena. La kokoj ankoraŭ kokerikadis, kaj la rozkoloro de la ĉielo kaj de la akvo velketis.

Tiam subite ekaperis torento da brilega lumo super la akvo. Turniĝinte postflanken, mi vidis la helan sunon, kiu ĵus leviĝis super la arbaro de la sanktejo Ikisu. Kun la brila lumo de la matensuno sur sia dorso, korvo el la arbaro flugis sola al Omigaŭa flugilfrapante en solena atmosfero frumatena, kiel se li estus heroldanĝelo de la mateniĝo.

Omigaŭa ankoraŭ ĝuis dolĉan dormadon en blua matennebulo, sed ĉi-flanke ĉio jam vekiĝis. Kolonoj de fumo leviĝis el posta kabano. Kvakantaj anseroj, ĵus liberigitaj el la palisaro, kuris al la rivero postlasante siajn piedsignojn sur la prujno, kaj ensaltis en la akvon, dispecigante la oran sunon rebrilantan sur la akvo. Malgrandaj birdoj ĉirpis kaj pepis sur la branĉoj de l' salikoj apud la rivero. Vilaĝanoj, kiuj ĵus ellitiĝis, alvenis al la rivero kun blankaj elspiraĵoj. Ili lavis la vizaĝon per la riverakvo, kaj turniĝante en la direkton de l' malproksima monto Cukuba, riverencis frapante la manojn.

Oh, kiom solena kaj glora vidaĵo!

El la japana tradukis
*Hirokazu Kaji* (Ŝizuoka).

*) Thomas Carlyle (1795—1881), skotlanda historiisto kaj literaturisto.
**) Ralph Waldo Emerson (1803—1882), usona poeto kaj filozofo.

---

**Kun la nuna numero estas sendataj**
**N-ro 16 de l' Bulteno de l' Internacia Labor-Oficejo**
**Tabelo de enhavo 1925**
**Aliĝilo por UEA**
**Prospekto de „Deutsche Buchgemeinschaft“**
**al abonantoj en germanlingvaj landoj**

# TRA LA LIBRARO.

Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj“. Sub titolo: „Tra la libraro“ aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Noveloj. — Aŭtosugesto. — Katalunaĵoj.
Hebreaĵoj. — Oomoto. — Scienco. — Lernolibroj.
Kongresa libro kaj prospektoj.**

*

Duoble la *„Noveloj“* altiros la atenton: la pola verkisto Sienkiewicz estas tutmonde konata, kaj traduko de F-ino Lidja Zamenhof vekas apartan scivolemon. Post bona skizo pri Sienkiewicz, pri lia graveco kiel literaturisto kaj naciano, estas tradukitaj kvin liaj noveletoj. Plej originalaj estas tiuj, kiuj priskribas polajn tipojn kaj morojn, kiel „La maljuna servisto“ kaj „La Anĝelo“. Alia, „Lux in tenebris lucet“, rakontas la morton de malfeliĉulo kaj lian postmortan rekuniĝon kun la plorita edzino, dum „Dioklo“ estas atena legendo pri vaneco serĉi kaj malkovri la veron, kaj „Estu benita“, hinda fabelo. La multflanka talento de l' aŭtoro estas spertebla en tiuj prozaĵoj. La tradukon oni legas facile kaj plezure ĉar tre komprenebla kaj vigla. Sed ne funde Zamenhofa, se oni rajtas tiel esprimi sin, estas la lingvo; la tradukintino uzas facile neologismojn, kelkajn ne troveblajn en vortaroj (vehemenca, pistono) aŭ alian sencon de jam enlistigita radiko (pastela), aŭ formojn nekutimajn (ĵurnalisteco, amaĵi) kaj esprimojn naciismajn aŭ nerekomendindajn (li laboris super la statuo, — la fenestro eniris en la korton, — li komprenis sin pri ĉevaloj, — li ne estis homo funde ĉiutaga, — estis kun mi malbone). Tiujn punktetojn oni ĉe alia tradukinto eble eĉ ne notus; oni do ne opiniu, ke pro ili la nova volumo de Internacia Mondliteraturo ne indas je la bela kaj valora kolekto al kiu ĝi aldoniĝis.

*

Aŭtosugesto estas nun ŝatata temo, eĉ laŭmoda. Dum la Ĝeneva Somera Universitato profesoroj Baudouin kaj Flügel pri ĝi prelegis. Tial publikigo de parolado de Coué: *„La regado de si mem per konscia aŭtosugesto“*, en bonega traduko de S-ro J. Borel, kiu laboris kun lerteco de malnova pioniro kaj konvinko de memspertinto de l' metodo, estos favore akceptata. Jam la enkonduko de l' tradukinto trafe diras tion, kio estas deveno kaj esenco de memsugestado, kaj kiel ĝi efikas. Kredo savas. Ne volo, sed imago efektive estras niajn agojn. Ĝis kien povas konduki plena obeo al tiuj principoj, jen diskutota problemo inter disĉiploj kaj kontraŭuloj de l' nova doktrino. Sed ne pli taŭge kaj klare oni povis prezenti ĝin ol per la lasta kajero de Esperantista Biblioteko Internacia. Al psikaj malsanuloj precipe ĝi ebligos memkuracon dum al ĉiu leganto ĝi donos bonan okazon ekkoni novan nuntempan teorion.

*

En *„Hejma Prozo“* J. Bremon Masgrau liveras al ni specimenojn de l' kataluna literaturo per traduko de sep interesaj rakontoj. „La relŝanĝisto“ estas simplanima sed vera heroo, „La Ŝlosilo“ estas tiu, kiun mizera Maŭro gardas pie por iam reakiri sian potencon en Granado, „La sekaj folioj“ poezie dialogas, „La statuo el neĝo“ aperigas mezepokan fean fantaziaĵon. La plej longa kaj originala estas „La servistino“, akra satiro de nuntempa geedza paro, stulte interdisputanta kaj timanta sian dungistinon. Fine „La monumento al suno“ kaj „La paseroj“ estas bestfabeloj kun moraliga intenco. Ekster kelkaj eraretoj aŭ malglataĵoj la teksto estas laŭdinda kaj tiu kolekto provizas nin per facila agrabla legaĵaro.

*

Post bona studo pri la valoro etnika kaj psikologia de l' popolkanto ĝenerale, pri ĝia historio kaj diverseco, la aŭtoroj de *„La kataluna popolkanto“* ankaŭ pritraktas ĝin speciale kaj plie aldonas naŭ melodiojn kun poezia traduko de iliaj paroloj. La simpleco de l' arioj, la naiveco de tiuj kantoj legendaj, kavalireca] aŭ amaj, ilia speciala karaktero meritas atenton de ĉiu, kiun interesas muziko, folkloro, penso kaj animo de ĉiu aparta gento.

*

La centra Cionista organizaĵo disdonigis dum la Ĝeneva kongreso bele presitan kaj bone verkitan broŝuron pri la *„Hebrea progreso en Palestino“* kun interesaj informoj pri la entrepreno grava, kiun ĉiu noblulo, ia ajn genta, aprobas, kaj ties sukceson deziras. Dekses bildoj plibeligas tiun propagandan verketon. Ni notu, ke ĝi memorigas, kiel simpatiis Zamenhof al Cionismo, kaj ankaŭ ke D-ro Immanuel Olŝvanger intencas krei ĉe la biblioteko de l' nova Hebrea Universitato en Jerusalem esperantan sekcion.

*

La ĵus citita malnova kaj elokventa samideano publikigis sub titolo *„Eterna Sopiro“* aron da dekkvin originale verkitaj, diverslongaj versaĵoj. Se la preciza ideo kaj celo de kelkaj restas iom nebula, oni memoru, ke poezion oni komprenas pli per koro ol per cerbo kaj, ĉar laŭ lingvo kaj versreguloj, la aŭtoro neniam pekas, sed montras certan lertecon, ni povas esperi de li ankoraŭ pli ampleksan kaj pli valoran poemaron.

*

La libreton *„Oomoto“* klarigantan la principon de tiu nova movado ni jam recencis je apero de l' unua eldono.

*

La broŝuro *„Postmorta vivo“* estas mallonga eltiraĵo el la ampleksega verko (oni diras 66 volumoj, vera bibliego), kiun diktis la ĉefo de Oomoto, S-ro Wanisaburo Deguti. La teksto estas bone tradukita de S-ro Tadakacu Juri kaj tre bele presita.

*

En *„Origino de Oomoto“* S-ro Niŝimura priskribas la vivon de Nao Deguĉi, kreintino de Oomoto-movado kaj bopatrino de ĝia nuna ĉefo S-ro Onisaburo Deguĉi. Tiu rakonto pri formiĝado de religia movado pli klare informas pri ĝia celo kaj esenco ol la jam tro speciala libreto Oomoto. La mirakloj kaj profetaĵoj pruvantan ĝian dian devenon estos instrue komparataj kun la fontoj de aliaj praaj aŭ modernaj religioj.

*

Ĉu de Oriento venos ĉiuj lumoj? Almenaŭ la ekzemplon donitan per la publikigo en Esperanto de laboroj de profesoroj el la Universitato en Tokio, niaj okcidentaj altlernejoj povus imiti. Ili estas tute teknikaj sciencaj studoj kun multaj ciferfabeloj kaj resumas eksperimentojn, kiuj dum kelkaj jaroj estis faritaj sur centoj da kolomboj kun ĉiuj zorgoj kaj observoj postulataj de l' nuntempaj metodoj. La kvar aŭtoroj tiel celis pruvi, ke du malsanoj, kiujn oni opiniis aŭ opinias du formoj de sama degenero, t. e. la beribero atakanta la homon kaj la malsano pro manko de vitamino ankaŭ nomata rizmalsano renkontata ĉe birdoj, tute ne estas identaj. Ambaŭ raportojn, la unuan pli ampleksan kun titolo: *„Pri la rizmalsano de birdoj“* kaj la duan: *„Pri la kvanto de vitamino B rezervita en organoj ĉe beribero“*, pro la specialiĝo de l' hodiaŭaj sciencaj serĉadoj, konvene taksos aŭ kritikos nur samfakanoj. Sed almenaŭ tia publikigo rajtigas aserti, aŭ ke Esperanto estas pli necesa en Oriento, aŭ ke tie oni pli klare konscias pri ĝia evidenta estonta rolo por scienco.

*

Lernolibroj por dua perfektiga kurso estas malpli komunaj, sed ne malpli utilaj ol libroj por komencantoj. Franclingvanoj profite uzos *„Esperanto, dua jaro“*, en kiu S-roj Cart kaj Robert resumis longan sperton en instruado de Esperanto. Bone ordigita, kun detalaj klarigoj kaj taŭgaj ekzemploj ĝi tre bone povas kompletigi ĉiun ajn unuan lernolibron.

*

S-ro Leopold Dreher (L. K.) prezentas nian lingvon en 16 lecionoj, kie laŭvice estas klarigitaj ĉiuj afiksoj, vortfarado kaj sintakso. La lingvo estas severe fundamenta kaj neniu novaĵo, eĉ plej akceptinda, estas rekomendita. Ĉe la fino estas informoj pri uzado de Esperanto, ĉefaj gazetoj, UEA.

Alispeca lernilo por japanoj estas la traduko de l' mondkonata fabelo: *„La muzikistoj de Bremen"*. Apudesto de tekstoj japana kaj esperanta, helpe de piedpaĝaj klarigoj, permesas praktike ekkoni la ĉefajn principojn de l' dua lingvo.

*

Pli ol memoraĵo pri la lasta kongreso estas la *„Kongresa libro"*, ĉar ne nur la oficialajn programon kaj raportojn ĝi entenas, sed ankaŭ la organizan statutaron, t. e. Kontrakto de Helsinki, Regularo de la Kongresoj, Regularo de K. R., Statuto de UEA, kaj tiujn dokumentojn oni ŝatos facile retrovi en sola presaĵo.

*

La kongreso ankaŭ estis okazo por publikiĝo de diversaj prospektoj. La gvidlibreto *„Ĝenevo, sidejo de Ligo de Nacioj"*, estas konciza priskribo de l' urbo kun multaj ilustraĵoj kaj urbplano, bele eldonita.

*

Du luksaj geografiaj kartoj *„Svislando"* ankaŭ estis disdonitaj al kongresanoj. Samformataj, ambaŭ kun belaj bildoj kaj teksto sur la dorsflanko, unu estas eldonita de l' Svisa Fervojo Federala en Bern, alia de Svisa Centra Turisma Oficejo en Zürich kaj Lausanne. Ĝojiga fakto, ke oficialaj institutoj presigas esperantajn reklamilojn.

*

Ankaŭ la novaj broŝuroj de l' *„Foiro de Frankfurt"* kaj de *„Leipziga Foiro"* bone redaktitaj kaj riĉe ilustrataj pruvas kreskantan intereson de komercistaj rondoj al nia afero.

Malpli ampleksaj estas la presaĵoj pri *„Foiro de Lyon"*, pri *„Wiesbaden, banurbo"*, pri *„Pisa"*.

*

*„Avila"* estas pli ol ordinara gvidlibreto. Teksto verkita kaj eĉ stereotipita de S-ro Mangada-Rosenörn temas pri historio, artaĵoj, tradicioj, gravaj personoj de vizitinda urbo el Hispanlando, dum tridek fotografaj bildoj vidigas tion, kion vortoj diris. Plaĉa kaj malkara eldonaĵo.

13 novembro 1925. *G. S.*

## Novaj libroj.

**Noveloj.** *Henryk Sienkiewicz.* El la pola originalo, kun permeso trad. *Lidja Zamenhof.* Internacia Mondliteraturo, vol. 16, 1925.
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, Esperanto-Fako.
64 paĝoj, 12,5 × 19 cm. Prezo: 1,60 RM.

**La regado de si mem per konscia aŭtosugesto.** *E. Coué.* Esperantigis *J. Borel.* Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 33.
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden.
56 paĝoj, 10 × 14 cm. Prezo: 0,30 G.-M.

**Hejma Prozo.** *J. Bremon-Masgrau.* Kolekto de tradukoj eldonitaj okaze de la XII-a Kataluna kongreso en Palma de Mallorca. 1925.
Presejo J. Vinyals, Barcelona-Sarria.
64 paĝoj, 12,5 × 17 cm. Prezo: 1 sv. fr. aŭ 6 resp.-kup.

**La kataluna popolkanto.** *Joan Amadas* kaj *Jaume Grau-Casas.* Kun naŭ versaj tradukoj kaj melodioj. Barcelona 1925.
32 paĝoj, 15 × 21,5 cm. Prezo: 1 pezeto.

**Avila.** Hispana Biblioteko Esperanta. Verkas kaj eldonas *Julio Mangada-Rosenörn.* Glorieta de Bilbao 5, Madrid.
64 paĝoj, 12,5 × 17,5 cm. Prezo: 1 pezeto.

**Eterna Sopiro.** *Immanuel Olŝvanger.* 1925.
Societo Danubo, Wien VII, Lerchenfeldstr. 25.
32 paĝoj, 12 × 17 cm. Prezo ne montrita.

**Hebrea progreso en Palestino.** Prezentita al la XVII-a tutmonda kongreso de Esperanto en Ĝenevo, aŭgusto 1925, de la Centra Cionista Organizaĵo.
16 kaj 8 paĝoj, 15,5 × 25 cm. Prezo ne montrita.

**Oomoto.** La nova spirita movado.
Oomoto, Fremdlanda propaganda oficejo, Ajabe, Japanlando.
40 paĝoj, 13 × 18,5 cm. Prezo: 0,30 jeno.

**Postmorta vivo.** El „La rakontoj el spirita mondo".
Eldonejo: Oomoto, Ajabe, Kioto-fu, Japanujo.
12 paĝoj, 13,5 × 19 cm. Prezo ne montrita.

**Origino de Oomoto.** Sankta vivo de Nao Deguĉi, kreintino de Oomoto-movado. *Koogecu Niŝimura.* 1925.
Oomoto-oficejo, Ajabe, Japanujo.
28 paĝoj, 12 × 15,5 cm. Prezo ne montrita.

**Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj.** *Msgro de Ségur.* Laŭ germana traduko esperantigis D-ro *Adolfo Halbedl.* (Sespaĝa prospekto pri aperonta libro kun ties enhavtabelo).

**Pri la rizmalsano de birdoj** (dua raporto). Precipe pri la rizmalsano kaŭzita per nutraĵo rilate manka je vitamino B.
130 paĝoj, 19 × 26 cm.
Pri la kvanto de vitamino B rezervita en organoj ĉe beribero kaj la komparo kun tiu ĉe malsano pro manko de vitamino B (rizmalsano).
44 paĝoj, 19 × 26 cm.
De prof. D-ro *Tomesaburô Ogata,* D-ro *Ŝiutasô Kaŭakita,* D-ro *Susumu Suzuki* kaj D-ro *Ŝigeru Kagoŝima* el la Patologia Instituto de la Imperia Universitato en Tokio.
Represita el „Mitteilungen der medizinischen Fakultät der Kaiserlichen Universität zu Tokio." Volumo XXXII, kajero 3-a, 1925.

**Esperanto.** Deuxième année, par *Th. Cart* et *Em. Robert.*
Em. Robert, 5 rue Ravignan, Paris 18e.
48 paĝoj, 12,5 × 19,5 cm. Prezo: 1,50 fr. fr. (afranke 1,75).

**Kompletny podrecznik j. m. Esperanto.** *Leo Turno.*
Nakladem Tow. „Esperanto", Kraków 1922.
70 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo ne montrita.

**La muzikistoj de Bremen** de *Fratoj Grimm,* kun traduko en japana lingvo kaj klarigoj. El la germana originalo tradukis *H. Kaji.*
22 paĝoj, 13 × 19 cm. Prezo ne montrita.

**Kongresa libro.** *XVII-a Universala Kongreso de Esperanto,* Genève 1925.
UEA, Boulevard du Théâtre 12, Genève.
84 paĝoj, 12 × 17 cm.

**Ĝenevo, sidejo de la Ligo de Nacioj.** Publikigita de l' „Association des Intérets de Genève.
16 paĝoj, 12 × 18 cm, kun karto.

**Svislando.** Karto kaj gvidilo por la turisto.
Eldonita de la Svisa Centra Turisma Oficejo, Zürich kaj Lausanne.
Geografia karto 41 × 61 cm, faldita kun teksto kaj bildoj dorsflanke.

**Svislando.** Turista karto.
Svisa Fervojo Federala, publikiga servo, Bern.
Geografia karto, 45 × 60 cm, faldita kun teksto kaj bildoj dorsflanke.

**Foiro de Frankfurt a. M.** 4—7 oktobro 1925. **Teknika foiro,** 2—7 oktobro 1925.
24 paĝoj, 10,5 × 18 cm.

**La evoluo de la Leipziga Foiro.** *Paul Voss.* Leipzig.
32 paĝoj, 14 × 22 cm.

**Internacia Foiro de Lyon,** 1-a—15-a de marto 1926.
8 paĝoj, 13,5 × 21 cm.

**Wiesbaden.** Internacia banurbo.
Prospekto sespaĝa, 14 × 21 cm.

**Pisa** (Italujo). Gvidfolio.
4 paĝoj, 12 × 16,5 cm.



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA



### Esperantistaj problemoj.

II.

**La organizo.**

La postmilita tempo solvis problemon kiu dum preskaŭ dudek jaroj okupis la esperantistaron. Efektive la organiza problemo absorbis forton kaj tempon, kion posteuloj, nepartoprenintaj tiun „gloran" epokon ne povos kompreni. D-ro Zamenhof, kiu ĉiam klare vidis kaj antaŭvidis, subtenis la tute naturan bezonon de internacia organizaĵo grupiganta kiom eble plej multe da esperantistoj. Ni diras *„kiom eble plej multe"* ĉar jam frue oni lernis, ke ne ĉiuj lernantoj de la lingvo fariĝos ankaŭ ĝiaj fervoraj defendantoj. La provo starigi ligon inter la Naciaj Esperantistaj Societoj sukcesis nur parte: se ĉiuj detaloj organizaj akordiĝis kun ĉiuj premisoj, apartaĵoj kaj specialaj deziroj de la Naciaj Societoj, unu detalo tamen ne solviĝis. Gi estas la financa bazo. Necesis trovi la rimedojn por la oficejo en Parizo, la presigo de la oficiala gazeto, la salajroj: kio laŭ modesta kalkulo postulis almenaŭ 25000 ĝis 30000 frankojn (orajn). La sistemo pagigi la naciajn societojn, unuafoje aplikita en la kongreso de Antverpeno 1911, donis plej malkontentigan rezulton. Niaopinie la kaŭzo de tia malsukceso venas pro simpla fakto: neniu ŝatas pagi altan sumon nenion ricevante. Sekve ĉiuj sumoj riceveblaj estas malaltaj, necertaj kaj nefidindaj laŭ konsisto. Alia demando estis, ĉu necesis tia organiza aparato kian ni havis en Parizo; ankoraŭ nun nia movado estas nekapabla treni tian ŝarĝon por aranĝoj certe interesaj, sed nenion perlaborantaj.

La neceson de internacia organizo jesis ĉiuj, kiuj aktive laboris por Esperanto. Fondiĝis UEA kun la esprimita celo praktike uzi la lingvon, montri per konkretaj ekzemploj, ke ekzistas uzantoj de nia lingvo, unuvorte popularigi la movadon. Antaŭ la fondo de UEA nia movado havis privilegian karakteron, preskaŭ tendencon, resti netuŝata de la cetera mondo. Tiu-ĉi sektismo donis la moralan forton necesan por propagandi ideon tiom malŝatatan de granda parto de la publiko. Ni ripetas, ke sen tiu fervoro de la unuaj defendantoj de Esperanto, nia movado ne ekzistus. Ne disputante pri lingvaj problemetoj, sed uzante tion, kion ni havas kaj plibonigante ĝin laŭ la spertoj faritaj, jen la ĝusta vojo.

La skemo de nia organizo estas jena:

*Nacie:* Izolaj esperantistoj, lokaj grupoj, landa aŭ nacia societo.

*Internacie:* Individua aliĝo al Universala Esperanto-Asocio. Reprezento de naciaj societoj per la Konstanta Reprezentantaro.

*Fake:* Profesiaj, fakaj kaj aliaj societoj laborantaj sur speciala kampo (laborista, sciencista, religia).

*Supera estrado:* Internacia Centra Komitato, elektata de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj de Universala Esperanto-Asocio.

*Lingve:* Lingva Komitato kun supera komisiono nomata Akademio, ambaŭ sendependaj.

La idealo estus, ke ĉiu esperantisto estu samtempe ano loka, nacia kaj internacia. Malebligas tion unu fakto, tre grava kaj bedaŭrinde ne sufiĉe atentata. Esperantisto kiu deziras partopreni la movadon trovas, ke flankaj elspezoj tro ŝarĝas la esp. budĝeton. El tiu konstato aro da lernintoj ne volas aliĝi, aŭ aliĝinte post nelonge eksiĝas. Evidente ekzistas ankaŭ aliaj motivoj, sed la montrita estas unu el la gravaj, plej ofte aŭdataj. Ni prenu ekzemplon laŭ kvar landoj:

Esperantisto pagas por esti ano de . . . . . en:

| | Loka grupo | Nacia societo kun gazeto | UEA (MA) | Sumo |
|---|---|---|---|---|
| Svislando | 5.— Fr. | — | 12.50 | 17.50 Fr. |
| Ĉeĥoslov. | 8.— kĉ. | 36.— kĉ. | 50.— | 94.— kĉ. |
| Germanio | 3.— Rm. | 4.— | 10.— | 16.—Rm. |
| Britlando | Ĉio kune 1 £ | | | |

Tia „internacia ano" ricevas: nacian gazeton, jarlibron, internacian gazeton „Esperanto" kaj pagas en Svislando 17.50 frk., en Ĉeĥoslovakio 12 frk., en Germanio 20 frk. kaj en Britlando 25 frk. Tiuj ciferoj respondas al la liverotaĵo. La svisaj esperantistoj ne havas propran gazeton. El tio vidiĝas, ke la kostoj por partopreni la organizon ne estas tro altaj, sed venas la flankaj elspezoj. Sub flankaj elspezoj ni ne notas aĉetojn de libroj esperantaj, kiujn fari devus ĉiu esperantisto laŭ sia povo. Ne, la flankaj elspezoj estas la abono al aro da gazetoj, kotizo al fakaj societoj. Al la supraj ciferoj venos abono de du aŭ tri gazetoj, kotizoj de kelkaj fakaj organizaĵoj ktp. Vero estas ke la abono kaj aliĝo estas libervolaj, tamen la varbado al ili ekzistas. De ĉiuj flankoj oni monpetas la esperantiston, kiu fine ne plu scias, kio estas plej subteninda kaj tial prave rimarkigas, ke la postuloj estas tro multaj. Jen venas la nacia organizaĵo, jen UEA, jen faka organizaĵo, jen subtenindaj gazetoj kaj fine ekzistas en la grupoj tre disvastigita kutimo kolekti ĉe ĉiu kunveno por trovi ekstran monon, por la grupaj celoj. Tiu multeco de mondemando ĉefe erarigas la esperantiston, kiu tro facile opinias ke tio servas entute al pure organizaj celoj.

Kiel plibonigi tiun staton? Supraĵe rigardante ĉion, ŝajnas preskaŭ neeble akordigi tiom da disaj interesoj kaj celoj. Ekzamenante la efikon de la

agado oni konstatas, ke ekzistas unue granda malŝparo de forto. Ni prenu ekzemplon: En Ĉeĥoslovakio UEA posedas modelan organizon kun libervole laboranta ĉefdelegito. Tiu ĉi centrigas ĉion, rilatas laŭ difinita metodo kun la Centra Oficejo, preskaŭ sendepende. En sama lando du pliaj organizaĵoj kolektas siajn kotizojn kaj abonojn, la Ĉeĥoslovaka Asocio kaj la Germana Ligo. Sekve: tri centroj farantaj proksimume la samon. La ĉefdelegito de UEA devas plenumi konsiderindan kvanton da laboro; la efiko tamen ne estas tia, ke praviĝus la *profesia* okupigo de sperta persono. Ĉe la du landaj organizaĵoj la situacio estas la sama. Simpla menso dirus, ke kunigante oni povus profite eluzi ekzistantajn teknikajn rimedojn, utiligante la spertojn faritajn kaj serĉi necesan ekvilibron inter klopodo kaj kompenso. En grandaj landoj la administra laboro pli kaj pli postulas profesiulon. Por ke tiu ĉi povu labori efike, necesas simpligo en la ĝisnuna maniero kolekti la kotizojn. La problemo ne estas tiom simple solvebla kiel ŝajnas. Per bona volo ekzistantaj malhelpaĵoj certe estas forigeblaj kaj la efiko montriĝos tre baldaŭ.

Alia problemo en nia movado estas la fakaj organizaĵoj. Laŭ la kontrakto de Helsinki ili ne estas oficialaj pro neŭtralecaj kaŭzoj. Evidente estas, ke la profesiaj fakoj povus facile eniri la organizan kadron de la movado, escepte al tiaj unuiĝoj kun politika tendenco. Ekzistas profesiaj unuiĝoj de poŝtistoj, fervojistoj, stenografistoj, bankoficistoj, policanoj, instruistoj kaj aliaj. Malfortaj kaj sensignifaj, batalante eterne por la primitiva ekzisto la fakaj unuiĝoj devus unue grupiĝi laŭ sameco de la interesoj: Trafiko: poŝtistoj kaj fervojistoj; kuracistoj, juristoj kaj ĝenerale universitataj profesioj laŭsekcie al la Scienca Asocio; instruistoj kun sekcio de junaj esperantistoj ktp. Kontraŭe ni vidas la „entuziasmigan“ fakton, ke ekzistas eĉ du fakaj unuiĝoj por sama profesio, ambaŭ kolektantaj kotizojn, abonojn ktp. Escepte du aŭ tri, la fakoj funkcias hazarde, amatore, senmetode. Kuniĝante ili nur gajnus, evitus iluziigi fervorajn samideanojn kaj fortigus en certa grado la movadon. Lasta ŝtupo en tiu organiza skemo estas la korporativa aliĝo al UEA tiel kiel antaŭvidas la statuto, Art. 12.*)

De kelkaj flankoj UEA ricevis jam la inviton, starigi mem fakajn sekciojn kun fakestro koncentriganta ankaŭ tiun klopodadon. Ĝi ne akceptis tion por ne malhelpi ekzistantajn unuiĝojn. Plie ĝi ne deziras, „formanĝi“ ĉion lasante ankaŭ al aliaj laborkampon kaj spacon. Tamen povos okazi, ke la pli alta intereso de nia movado postulos, ke UEA sin okupu ankaŭ pri tiu ĉi flanko kaj tial estus konsilinde, ke la aktivaj samideanoj ekzamenu la faktojn kaj studu la eblecon de organiza simpligo kaj ĉefe de ŝparo, ĉu de mono, ĉu de tempo. Ne plu estas tolerebla tia partikularismo kia ekzistas nun; ni prenu ekzemplon de la Laboristaj kaj de la Katolikaj samideanoj kiuj ambaŭ starigis organizaĵojn atentindajn. La estonta propagando koncentriĝos al homoj de samaj metioj; por ke profesiaj unuiĝoj, sindikatoj ktp. nin atentu, ni devas montri samspecan unuiĝon esperantistan, kiu se necese estas subtenata en iuj klopodoj interesaj per la tuta organizaĵo esperantista.

*Unuigite ni staras; disigite ni falas!*

H. J.

*) 12. *Fako de UEA* nomiĝas organizita grupiĝo de membroj, kiuj volas plivigligi la rilatojn inter si, por esperantistaj, profesiaj aŭ aliaj ne kontraŭstatutaj celoj. La fakoj starigas propran statuton, elektas Fakestron kaj eblan komitaton, povas postuli specialan kotizon de la fakanoj kaj krei servojn al ili rezervatajn.

La Komisiono de UEA, konforme al la ĝeneralaj interesoj de la asocio, decidas pri akcepto aŭ ĉesigo de fakoj kaj privoĉdonas iliajn statutojn. La elekto de Fakestroj estas submetata al la aprobo de la Prezidanto de UEA, kiu nomas Fakestron, se elekto per la fakanoj ne povis okazi. La Fakestroj havas proponrajton ĉe la Komisiono. Ĉiun jaron ili raportas ĝis fino de novembro al la fakanoj kaj al la Direktoro.

La fakoj administras sin mem, konforme al la metodoj de la Asocio. Kun la konsento de la Direktoro ili povas transdoni tuton aŭ parton de siaj negocoj al la Centra Oficejo, kiu malfermas al ili kontojn. La Komisiono povas doni monsubtenojn al fakoj tre gravaj aŭ kiuj faras servojn al ĉiuj membroj.

La ĉefaj informoj de la fakoj aperas en la oficiala gazeto.

## KRONIKO.

### Aŭstrio.

*Graz.* — Vigla propagando. Post enketo de la Ĝenerala Fervoja Direkcio anoncis sin en Graz 76 fervojistoj Esperantolernemaj, en Knittelfeld 40. Kursoj komencos. Vigla propagando inter la socialdemokrata junularo „Infanamikoj“, ĉe kiu kursoj jam komencis, instigis la estraron de katolika „Popolligo“ (Volksbund) je fondo de Esperanto-sekcio; kurso komencis. Plue kurso estas aranĝata ĉe „Merkur“, societo de komercoficistoj. — Je Pentekosto 1926 (22-a—24-a de majo) en Graz okazos la Sesa Aŭstria Esperanto-Kongreso.

*Wien.* — Libera Esperantista Laborkomuno. Kurson por junuloj gvidas samideano Fleischner, kurson por komencantoj gvidas samideano Čech; Bohema Klubo Esperantista en Vieno kunvenas ĉiu-merkrede en Narodní dům XV., Turnerg. 9; esperantajn kursojn por ĉeĥoj gvidas samideanoj Franc, Panchartek kaj Kocourek; ĉe la Esperanto-Societo „Danubio“ gvidas perfektigan kurson samideanoj Klausberger kaj Mair. Samideano Ultmann gvidas Esperanto-kursojn ĉe la Fervojista Esperanto-Unio kaj ĉe la Kleriga Laborista Unuiĝo, Wien IX.

### Belgio.

*Antwerpen.* — Dank' al la Poresperanta Propaganda Komitato Esperanto nun estas firme enkondukita en la vesperkursoj de la publika instruado. Unuafoje Esperanto estas anoncita inter la vivantaj lingvoj sur la oficialaj afiŝoj de la urbo. Funkcias du komencaj kaj du perfektigaj kursoj (duonjara, kvar horojn posemajno) gvidataj de oficiale pagataj instruistoj.

### Brazilo.

*Pernambuco,* Recife. — S-ro Sebastião de Albuquerque malfermis kurson ĉe „Gymnasio do Recife“, kies direktoro estas pastro Felix Barretto.

*S. Paulo,* S. Paulo. — Sub la aŭspicioj de „Populara Asocio Esperantista“ malfermiĝis kurso de Esperanto gvidata de la dana esperantisto S-ro Hary Petersen.

*Ceara,* Fortaleza. — Estas elektita nova estraro de „Nova Samideanaro“. Jen ĝi estas: prezidanto Francisco Falcão, vicprezidanto Antonio Alves, 1-a sekretariino F-ino Anna Weyne; 2-a sekretariino F-ino Maria José de Castro, kasistino F-ino Stella de Castro.

## Britlando.

*Liverpool.* — La vizito de Andreo Ĉe impresis bone. Kurso en Universitato gvidata de profesoro Collinson.

## Ĉeĥoslovakio.

*Praha.* — Komenciĝis la 17 oktobro kurso de Esperanto-stenografio, partoprenas 15 personoj, membroj de la ĉeĥa kaj germana kluboj. Gvidanto S-ro Vuk Echtner, instruas esperant-lingve.

*Teplitz.* — La 9 oktobro parolis D-ro A. Bischitzky, esperanta pioniro en Ĉeĥoslovakio, kiel gasto de la popolkleriga unuiĝo pri „Oficialaj sukcesoj de la esperanta movado".

## Estonio.

*Tartu* kaj *Tallinn.* — Parolado pri la temo „Nudeco kiel unu el la vojoj al saneco, forteco kaj beleco" legis en Esperanto samideano Vadim Anofrijev en la societo esperanta „Espero" kaj ripetita en la Tartua Esperantista Societo.

## Franclando.

*Ceret.* — Kurso gvidata de S-ino Julia, delegito de UEA.
*Cette.* — S-ro Guibal gvidas kurson ĉe la Laborborso.
*Narbonne.* — Kurso kun 6 anoj, instruas S-ro Gouzy.
*St. Omer.* — Loka grupo aranĝis kurson en Komerca Lernejo. Tri kursoj ĉiusemajne en la liceo.

## Germanio.

*Chemnitz.* — Jarkunveno de la Saksa Ligo.

*Freiburg* (Baden). — En la Popola Altlernejo komenciĝis la 6-an de novembro nova kurso kun 20 partoprenantoj. Por instigi regulan viziton la Grupo destinis premion al tiuj kursanoj, kiuj ĉe fino partoprenos konkursan ekzamenon. La unua premio konsistas en arĝenta horloĝo, la dua en stero da faga brulligno, la tria el elektra gas-ekbruligilo; ceteraj premioj konsistas el sciencaj libroj.

*Kaiserslautern.* — Nova kurso ĉe Popola Altlernejo (popola universitato), 25 partoprenantoj.

*Kreuznach.* — 9. IX. parolis samideano Ludw. Schmidt, instruisto, en monata kunveno de instruistoj pri Esperanto kaj disdonis propagandilojn.

*Mainz.* — Unua jarkunveno de la novfondita Sudokcident-germana Esperanto-Ligo (S. O. L.), al kiu apartenas 9 lokaj grupoj kun sume 200 membroj kaj 24 izoluloj, do 224 membroj. La stato de la kaso estas bona, male kiel kutime ĉe aliaj esperantistaj societoj. Kiel estraron (prezidanto, sekretario kaj kasisto) oni ree elektis samideanon Schönrich, instruisto, Wiesbaden.

*Ratibor.* — S-ro Wieczorek gvidas kurson en la „Laborkomuneco por Popolklerigo".

*Wiesbaden.* — En Popola Altlernejo tri kursoj (komencantoj, progresintoj kaj perfektiga) gvidataj de samideanoj Schönrich kaj Grebel.

## Hispanio.

*Barcelona.* — Malfermo de unuagrada kurso gvidata de S-ro Domenech per vesperfesto. Grupo „Nova Sento" aranĝis kurson kun 35 anoj, gvidas S-ro Lleonard Renom.

*Palma de Mallorca.* — Nova kurso gvidata de S-ro Narciso Bofill.

## Hungario.

*Budapest.* — La ministerio por instruado denove validigis la permeson instrui Esperanton en la ŝtataj mezlernejoj (71, 972, 1925. V.). En la junula sekcio de la Feminista Societo parolado de S-ro Lovasi pri Esperanto. En la ĉefpolicejo esperanta kurso por 12 personoj, precipe oficiroj, gvidata de D-ro Tóth. La Fremdultrafika kaj Vojaĝa Societo, biletoficejo de la ŝtatfervojoj, uzas en siaj anoncoj Esperanton. La 1 novembro parolis esperante ĉe la tombo de prelato Giesswein D-ro Lóránd.

*Kaposvár.* — Ekspozicio esperanta aranĝita de Laboristaj Esperantistoj.

## Italio.

*Mantova.* — La 3-an de novembro okazis jara ĝenerala kunveno de la M. E. G. Post la aprobo de morala kaj financa raportoj oni fiksis kurson sub gvidado de F-ino Monfini. Lasta estraro estis konfirmita por nova jaro.

## Madeira.

*Funchal.* — Reaperis la malnova grupo esperantista „Madejra Verda Stelo", fondita antaŭ milito per Hamburga samideano A. B. C. Senff kaj kelkaj urbaj samideanoj. La delegito de UEA S-ro Pereira kaj nia membro Freitas (12819) estas la kursgvidantoj de 20 lernantoj.

## Nederlando.

*Delft.* — La 7 oktobro la „Maatschappy tot Nut van't Algemeen" aranĝis publikan propagandovesperon en la koncertejo de la Stadsdoelen por konigi Esperanton. Post la malfermo de la prezidanto S-ro J. Ravestein jr., delegito de UEA el Hago, skizis la neceson de internacia lingvo, la originon kaj disvastigon de Esperanto en diversaj fakoj. La parolinto rakontis pri la vivo de Zamenhof, liaj laboroj, kaj speciale akcentis pri la interna ideo de nia lingvo. Li pritraktis niajn literaturon kaj kongresojn. Post la paŭzo aro da preskaŭ 100 lumbildoj pri la 17-a Internacia Esperanto-Kongreso en Genève videbligis la praktikan uzadon de Esperanto.

*s'Gravenhage.* — La 3-an de oktobro la Haga Esperanto-Unuiĝo „Fine ĝi venkos" organizis bone sukcesintan propagandan vesperon. Parolis elokvente kaj konvinkige prof. van Rees kaj pastro Schermerhorn antaŭ plena salono. Lumbildoj de niaj internaciaj kongresoj kaj kantado de F-ino Ortt pliinteresigis la vesperon.

*Rotterdam.* — La 17 oktobro S-ro P. G. van Wyk van Brievingh parolis pri Esperanto en la kunvenejo de la Rotterdama Unuiĝo „De Kweekschool". Ĉeestis preskaŭ 200 gejunuloj, estontaj geinstruistoj, kiuj atente aŭskultis la propagandan paroladon. La parolanto donis bone argumentitan klarigon pri la ideo de Esperanto kaj speciale pri ĝia utilo por la venonta instruistaro. Montrante serion da belaj lumbildoj pri la Ĝeneva Internacia Esperanto-Kongreso, S-ro v. W. rakontis pri siaj agrablaj kongresaj travivaĵoj. Laŭta aplaŭdado pruvis la kontentecon de la aŭdantaro.

*Vlissingen.* — Kurso kun 11 personoj.

## Rumanio.

*Arad.* — Esperanto-ekspozicio en ŝtata mezlernejo I. Vulcan.

*Bucureŝti.* — Vizito de ĉeĥaj samideanoj prof. Jukl el Bratislava kaj Brambora el Praha, bulgara samideano Hitrov kaj japana esperantisto Teiso Esaki. — En liceo Libros gvidas kurson S-ro Wurmbrand. — La Rumana Esperanto-Centro translokiĝis en propran domon, nova adreso: str. „11. Junie" No. 80.

*Focsani.* — Esperanto-kunvenoj ĉe la domo de prof. D-ro Danila.

*Ploeŝti.* — Nova kurso.

## Saarteritorio.

La 18. 10. 1925 okazis kunveno de la Ligo Saarteritoria kun ampleksa ekspozicio de libroj kaj gazetoj. S-ro Omlor parolis pri la neceseco de Esperanto, S-ro Krämer raportis pri la kongreso de Genève kaj S-ro Schenkel parolis pri la esperanta li-

teraturo. Kantoj kaj deklamoj beligis la vesperon. — En Saar-Radio-Klub komenciĝis du novaj kursoj kaj en inĝenieraj rondoj forta propagando estas komencita.

## Sudslavio.

*Bjelovar.* — Jara kunveno. Nova kurso gvidata de S-ro Kraljević, alia en gimnazio gvidata de profesoro Ŝaj.

*Mostar.* — Nova kurso gvidata de S-ro N. Jerić.

## Svislando.

*Bern.* — D-ro Spielmann gvidas tri kursojn.

*Genève.* — Polica grupo fondiĝas; S-ro Bouvier gvidas perfektigan kurson por policanoj. Oficiala kurso en Duagrada Supera lernejo por knabinoj (komerca sekcio).

---




*Rio de Janeiro.*

S-ro inĝ. Luiz Porto Carreiro Neto malfermis alian kurson de Esperanto pere de la radia sendstacio Praia Vermelha (SPE 312 m) kiu apartenas al la Nacia Telegrafo. La programoj de tiu stacio estas organizitaj de „Radio-Club do Brazil", kiu estas tre simpatia al Esperanto.

*

### Grava sukceso.

*La granda Radio-stacio Berlin (Voxhaus) per Esperanto* disradios ĉiusabate vespere depost la 14-a de novembro je la 6,15 aŭ 7,15 novan Esperanto-kurson por komencantoj. Du stacioj samtempe sur ondoj 505 m kaj 576 m ebligas tre vastan aŭskultkampon. La gazeto „Die Funkstunde", oficiala gazeto de stacio, kiu havas 220000 abonantojn, en sia numero 45 de la 8 novembro kvarfoje en tre rimarkinda maniero atentigas pri tiu ĉi kurso. En la sama gazeto aperis tutpaĝa artikolo kun bildoj pri „Esperanto" de direktoro J. Glück.

Samtempe la Berlina Radio-stacio eldonas en apartaj kajeroj propran facilan Esperanto-kurson por tiuj prelegoj. La libreto kostas 20 pfen. (kaj 5 pfen. aŭ 10 pfen. [eksterlanden] por afranko), la gazeto 25 pfen. (kaj 10 pen. aŭ 15 pfen. [eksterlanden] por afranko).

Direktoro J. Glück gvidas nun la trian esperantan kurson per radio en Berlin. La radio-parolado daŭras jam sen interrompo pli multe ol unu jaron, kio certe montras, ke en Berlin estas granda intereso por Esperanto. La lasta kurso estas precipe pro tio tiom grava, ĉar unu el la plej grandaj radiostacioj en la mondo oficiale subtenas nian movadon. Ĉiuj, kiuj aŭdos la kurson, bonvole skribu al la direkcio de la stacio Berliner Rundfunk-Sendestelle, Berlin W. 9, Potsdamer Str. 4.

*

### Zamenhofa soleno en Radio-stacio Breslau.

Merkredon, la 16-an de decembro 1925, je 20,30 h (MET) per ondo 418 okazos Zamenhofa soleno je memoro de naskiĝo de l' aŭtoro de la lingvo internacia Esperanto.

# Tra la gazetaro.

*„La Paco"*, budhisma gazeto, eldonata de la esperanta grupo ĉe Otani-Universitato, Kioto, Japan. Estas dediĉita al disvastigo de la pacifismo laŭ la budhana kompreno. Ni ĝin ricevis ĵus kiel novaĵon, kvankam la numero portas sur sia titolpaĝo „jaro 4". La stilo ne estas malbona, sed la preso, maŝinkopia, estas ne ĉiam facile legebla.

*„La Ridanta Esperantisto"* estas ilustrita okpaĝa folio, kiu aperas en Hannover, kaj celas gajigi la legantojn per amuzaj rakontetoj, anekdotoj, ŝercvortoj, kiel la antaŭmilita „Spritulo".

*„La Kolportisto"*, oficiala organo de la Esperantista Kolportista Asocio, estas broŝurformata anonca revueto, kiu disvastigas interalie la librojn kristanajn, kvakerajn kaj ĝenerale religiajn.

*„Utrechta Esperantisto"*, hektografita folieto, redaktata de S-ro Degenkamp, raportas pri la lokaj esperantistaj aferoj.

*„La Orienta Lumo"*, oficiala organo de Korea Esperanta Instituto, eldonata en Seul, Koreujo. Destinita por la loka propagando, estante redaktata en la japana skribaĵo.

*„Oriento"*, monata ilustrita revuo en Esperanto. La unua numero, kiun ni ricevis, estas 120-paĝa grandformata kajero kun multaj fotoj, presita klare kaj akurate en Ĥarbin, estinta rusa manĉuria urbo, nun en Ĉinujo. Ĝin aldonas rusoj kun helpo de ĉinoj, koreoj, japanoj kaj aligentaj samideanoj. La gazeto konatigas nin kun geografio, etnografio, literaturo kaj socio de la malproksima Oriento.

*„La Nova Tago"*, internacia Bahai-Esperanto-gazeto kvaronjare publikigata per la Esperanto-komitato de la Bahai-movado en Hamburg. Fama scienculo D-ro A. Forel, Yvorne, Svislando, originale verkis en Esperanto artikoleton pri Bahaismo, kiel pri la movado larĝidea kaj progresema. Tiu artikoleto kaj la tradukaĵo de S-ro Esslemont el la libro de Baha-u-llah vere ornamas la duan numeron de tiu nova revueto.

*„Ondo de Daŭgava"*, maŝinkopie presita folieto eldonata de la Riga Esperanto-Societo, kiu celas pli la internacian publikon ol la interesojn de la loka esperantistaro. Ĝi estas entute redaktata esperante kaj tuŝas ĝeneralajn temojn de nia movado.

*„Samosa Esperantisto"*, oficiala organo de Samosa Esperanta Societo, eldonata sur insulo Samoso, Greklando. Ĝi estas redaktata de nia konata samideano D-ro A. Stamatiadis, kiu tiel reaperigas la antaŭmilitan gazeton kun la sama titolo. Bone presita en la greka kaj esperanta, ĝi taŭgas kiel pruvilo pri la disvastiĝo de nia lingvo en landoj de neeŭropa kulturo.

*„Hinda Esperantisto"*, broŝurformata folieto eldonata en Semarang, Java insulo, de nia konata samideano Liem Tjong Hie, redaktata esperante, javane kaj malaje.

*„Sennacieca Revuo"* en sia novembra numero donas interalie artikolon de N. P. Evstiféieff, kiu en trafa kaj sprita formo pruvas, ke la sufikso „oz" ne estas necesa. S-ro Evstiféieff, akademiano, tiel reaperas sur nia esperantista kampo, sur kiu oni ne aŭdis lin dum lastaj dek jaroj. La rusa akademiano apartenas al tiu malofta kategorio da samideanoj kiuj posedas samtempe la plenan scion de nia lingvo kaj la profundan eruditecon en la lingvistiko. Fama lingvisto, nun en Varsovio, S-ro Baudoin de Courtenay, unufoje eldiris, ke S-ro Evstiféieff estas tre talenta lingvostudanto, kaj tiu opinio tute akordas kun la artikoloj de S-ro E., domaĝe maloftaj.

*„Heroldo de Esperanto"* komencis presigi interesan fakan vortaron de pedagogio, logiko kaj psikologio. Oni ne trovas en tiu terminaro la vorton „disĉiplo", kvankam la vortoj „dogmo", „doktrino", „disciplino" tie troviĝas.

*„La Movado"*, en la novembra, daŭrigas la „Memoraĵojn de pioniro" de S-ro E. Archdeacon, kiu rakontas pri la unuaj paŝoj de la aviado.

# 18-a Universala Kongreso de Esperanto

## kaj Internacia Somera Universitato

### Edinburgo — 31 Julio ĝis 7 Aŭgusto 1926



### BULTENO 1 ☆ 16 NOVEMBRO 1925

**Loka Kongresa Komitato.** — Honora prezidanto: *John Merchant;* prezidanto: *W. M. Page,* S. S. C.; vicprezidantoj: *William Rae,* S-ino *G. Senior;* sekretarioj: *J. M. Warden,* F. F. A., L. K., *William Harvey,* I. S. O., L. K.; kasisto: *David R. Tullo,* S. S. C.; komitatanoj: F-ino *Jane Baird, George Dickinson, David Kennedy,* M. A., *Robert Stevenson.*

**Adreso por leteroj.** — Sekretarioj, 18-a Kongreso de Esperanto, Edinburgo, Skotlando.

**Aliĝoj.** — Jam 113 (62 skotoj, 34 angloj, 12 germanoj, 3 poloj, 2 francoj, 1 aŭstriano, 1 sviso).

**Aliĝiloj.** — Disdonotaj pere de la ĉefaj gazetoj kaj de la naciaj asocioj. Kiu ne ricevis ekzempleron, tiu bonvolu peti ĝin rekte de la L. K. K.




**Kotizo.** — Por ĉiu kongresano senescepte: 20 ŝilingoj britaj = proksimume 20 germ. ormarkoj, 25 svis. fr., 12 nederl. guld., 5 uson. dol. Oportuna maniero sendi la kotizon, estas per brita ŝtatbileto por 1 £ („currency note, one pound"), havebla ĉe bankoj en multaj urboj, kaj sendota per registrita (rekomendita) letero.

**Garantia kapitalo.** — La L. K. K. zorge penos eviti ian deficiton, sed, por certigi la financojn, ĉi tiu kapitalo estas fondita.

**Donacoj.** — La L. K. K. volonte ricevos donacojn por helpi al plena sukceso de la kongreso.

**Blindula kaso.** — La L. K. K. akceptas pere de la aliĝiloj aŭ alimaniere mondonacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu en la kongreso.

**Loĝado.** — Sub-komitato jam vigle laboras por fari plej moderprezajn, sed tute kontentigajn, aranĝojn pri loĝado. Detaloj aperos en estonta bulteno.

**Fakaj kunvenoj.** — Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Somera Universitato.** — La L. K. K. daŭrigas la Someran Universitaton kaj jam aranĝis fakultatojn pri Folkloro, Lingvistiko, Medicino kaj Scienco.

**Akcepto de kongresanoj ĉe britaj havenoj.** — En posta bulteno aperos adresoj de UEA-delegitoj ktp., kiuj jam konsentis akcepti ĉe britaj havenoj kongresanojn el aliaj landoj. Koncernataj anoj skribu rekte al tiuj adresoj ĝustatempe antaŭ alveno.

**Proponoj.** — La L. K. K. danke ricevos kaj zorge konsideros fruajn proponojn deklami, kanti, ludi ktp. ĉe kongresaj koncertoj.



## Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado

12 Bd. du Théâtre, Genève

### Land- kaj Fakorganizoj.

Ni estos tre dankemaj al ĉiuj organizoj, se ili bonvolos resti kun I. C. K. en konstantaj rilatoj. Nur tiamaniere nia komitato povas doni laŭcelan helpon en bezonaj kazoj kaj funkcii kiel propaganda centro de nia movado.

Antaŭ ĉio ni petas, ke ĉiuj societoj kaj organizoj informu nin pri grava propagando enlanda kaj aparta agado, kiu iel povos havi influon al la internacia propagando.

Ni ankaŭ estos tre dankemaj al div. personoj, kiuj bonvolos fari al ni praktikajn proponojn kaj servi kiel informantoj pri novaj propagand-okazoj ĉe internaciaj kongresoj, ekspozicioj, institutoj ktp.

Ni petas afable atenti pri akurata adreso sur sendaĵoj.

### Redakcioj.

Ni antaŭdankas pro regula sendo de 1 ekzemplero de via gazeto, kiu ebligos al ni informi nin pri la progresoj en via lando. Al nia alvoko en la lasta komuniko respondis nur 1 redakcio el pli ol 50.

### Gazeta statistiko.

En monato novembro alvenis preskaŭ samgranda aro da eltranĉaĵoj el gazetoj pri nia lingvo. Ni ricevis en lingvoj:

| | |
|---|---|
| angla | 33 |
| germana (Svislando) | 57 |
| germana (Germ., Aŭstrio, Ĉeĥosl., Hung.) | 27 |
| franca (Svislando) | 58 |
| hispana | 6 |
| itala | 4 |
| pola | 3 |
| portugala | 2 |
| sveda | 3 |
| ĉeĥa | 3 |
| entute | 196 |

eltranĉaĵojn en 10 lingvoj. Ni ripetas nian peton regule sendi al ni legindajn eltranĉaĵojn. Ni ankaŭ ŝatos ricevi informojn de la gazetar-servoj en la div. landoj pri ilia statistiko.

### Rondvojaĝo de S-ro Andreo Ĉe, sekr. de C. K. en Britlando.

Dank' al la vigla intereso kaj vere laŭdinda helpo de britaj samideanoj la vojaĝo de nia sekretario sukcese daŭradis.

La 1 novembro S-ro Ĉe paroladis en la eduka instituto de Gateshead apud Newcastle. La 2. 11. li sekvis inviton al parolado antaŭ membroj de Unuiĝo por la Ligo de Nacioj en Bedlington, kiu bone impresis. Tre sukcesplena estis la parolado en Rotary-klubo de Whitley Bay la 3. 11. S-ro Ĉe uzis la posttagmezon por fari viziton al geknaboj de superaj klasoj kaj fari malgrandan paroladon antaŭ ili. Sekve de tio la Eduka Komitato petis la permeson de kursaranĝo dum la regulaj instru-horoj. La saman tagon vespere li paroladis denove en Newcastle en Rotary-klubo kaj trovis grandegan intereson. Cetere dank' al pluraj sukcesaj vizitoj revigliĝis la intereso pri novaj kursoj, petitaj de aro da organizoj. De la 4.—11. novembro S-ro Ĉe estis gasto de niaj skotaj amikoj, kie li trovis same bonkoran akcepton. Speciale efika estis la propagando en Edinburgh, la urbo de l' venonta kongreso. La posta vojaĝo estis al Huddersfield, Leeds, Keigley kaj Bradford. La div. propagandparoladoj ankaŭ tie trovis veran atenton en la koncernaj rondoj. Speciale menciinda estas la intereso de lernejoj, pastroj, ĵurnalistoj kaj gazetoj mem. S-ro Ĉe faris multajn valorajn vizitojn al la eminentularo, kiun tia praktika ekzemplo de la uzebleco de Esperanto evidente impresas.

Ni raportos ankoraŭ pri la daŭrigo. La vojaĝo finos meze de decembro. Komence de januaro S-ro Ĉe kredeble vojaĝos tra Nederlando kaj Belgujo por poste reveni al Genève por alia laboro.

Ankaŭ tie ĉi ni deziras aparte danki ĉiujn britajn samideanojn kiuj tiel afable, amike kaj malavare helpis al nia propagandisto plenumi sian grandan taskon de propagandisto.

### Somera Propagando.

Por eventuala preparo de novaj vojaĝoj de S-ro Ĉe ni petas interesitajn federaciojn, ligojn kaj kartelojn sin turni sufiĉe frue al nia komitato. En la grandaj landoj estos dezirinde ke la grupoj interrilatu tuj kun la landorganizo por ebligi rondvojaĝon tra la tuta koncerna lando. Pri detaloj ni volonte korespondos letere.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron kaj la dokumentojn rilatajn al la kategorio de membreco.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj; *300 Fr. oro.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Albanio:** Ital. Liroj: 12, 30, 125; **Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Aŭstrio:** Ŝil. 5, 12,50, 35; **Belgio:** Fr. 12, 30, 100; **Brazilo:** Milr. 5, 12,50 35; **Britlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25: **Bulgario:** L. 100, 200, 750; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arĝ. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 1800; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 12, 30, 125; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 10,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100 325; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35; **Hungario:** Kr. or. 5, 10, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12|6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 100, **Japanio:** J. 2,50, 6,25, 12,50; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 280; **Latvio:** L. 4, 10, 25; **Litovio:** L. 8, 20, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25, 12,50; **Norvegio:** Kr. 5, 12,50, 25; **Pollando:** Zlot. 5, 12,50, 25; **Portugalo:** Esk. 16, 40, 100; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagulaŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [oravaloro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Ŝil. 1,50; Bulgario: 50 L.; Germanio: RM 1,20; Hungario: Kr. or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

**Administra jaro 1926.** — Ni informas niajn delegitojn kaj membrojn ke la administra jaro 1926 komencis je la 1 novembro 1925. Al la delegitoj ni sendis inter la 10—15-a novembro la oficialan bultenon N-ro 15 kun la necesaj informoj pri la agado en la nova jaro. La delegitoj ne ricevintaj tiun sendaĵon bonvolas informi nin tiel ke ni povu denove sendi la dokumentojn.

**Jarlibro 1926.** — Ni atentigas, ke korektoj, aldonoj, novaj tekstoj por la jarlibro 1926 devas atingi la Centran Oficejon ĝis 15 decembro 1925. Ekstereŭropanoj volu ne prokrasti tujan sendon de tiaj informoj post ricevo de la Oficiala Bulteno aŭ de la nuna gazeto.

**Anoncoj.** — Lasta tago de akcepto por anoncoj en la jarlibro estas 15 januaro 1926. La kosto de tuta paĝo estas fiksita je 80 Frk. sv., duonpaĝo 40 Frk. sv. kvaronpaĝo 20 Frk. sv. svisaj. Estas neakceptataj anoncoj pri sekretaj drogoj kaj certaj libroj; la Direktoro laŭokaze rajtas rifuzi anoncon kun duba karaktero.

**Kotizoj 1926.** — La novajn prezojn vidu supren. Restas la oficiala kotizo de 5.— Fr., 12.50 Fr., 25.— Fr. svisa valoro por Membro, Membro-Abonanto kaj subtenanto. La kotizo por 1926 jam nun estas repagebla; novaj aliĝantoj jam ricevas la gazeton „Esperanto“ de la novembro numero, sen plia pago.

**Koresponda Adresaro.** — Laŭ deziro de kompetentaj samideanoj ni reenmetas en la jarlibron 1926 Adresaron de korespondantoj kaj interŝanĝantoj. Kosto de enskribo 1 svisa franko; amplekso de anonco 10 vortoj kun adreso.

**Novaj delegitoj.**

**Aïdin,** Turkio, Balĝilar. D. S-ro Mehmed Hulusi Haĝi Mustafa, profesoro, École industrielle.

**Baňska Bystrica,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Sandor Weisz, direktoro c-o Steiner & Löwy

**Benešov u Prahy,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Karel Velehradský, meblisto, Vlašimská 273

VD. S-ro Josef Hřebiček, studento, Stará Pražská 149

**Bergen-Enkheim b. Frankfurt,** Germanio. D. S-ro Friedrich Graser, komercinstruisto, Friebstraße 68

**City of St. Andrews,** Usono, Florida. D. S-ro Joso Lipes, edukisto, Box 118

**Dobruška,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. F-ino Marie Marelová, instruistino, Pulická ulice

VD. S-ro Karel Hamerský, oficisto, Svatodušská 317

**Dolany,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Zdeněk Hahn, instruisto, Dolany u Klatov

**Douai,** Franclando, Nord. D. S-ro Albéric Humez, entreprenisto 13, rue Morel

**Dvůr Králové nad Labem,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Josef Nosek, bankoficisto, Okresní dům 400

VD. F-ino Anna Prihoda, korespondistino, Rieger Platz 343

**Elhovo,** Bulgario, Burgasa distr. D. S-ro Gregor Genov Šutov, juĝeja oficisto

**Farnley Tyas,** Britl. Yorkshire. D. S-ro Archibald John Ashley, „The Vicarage", Anglikana presbitero, Farnley Tyas ap. Huddersfield

**Flint,** Usono, Michigan. D. S-ro Saul J. Jaffe, komercisto, 121 Grace St.

**Georgswalde 7,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Otto Bittner, komercisto

**Hodonin,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Jaroslav Hošek, komerckomizo, Horni plesová 3

VD. S-ro Antonin Krejčiřik, lignolaboristo, Dělnická čtvrt 48

**Hořice v Podkrkonoši,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Bedřich Munzar, ekspedisto, Otakarova 528

VD. S-ro Antonin Heyrovský, ŝtata oficisto, č. 146

**Jersey City,** Usono, New Jersey. D. F-ino Helene Templin, stenografistino, 136 Coles Street

**Juazeiro,** Brazilo, Bahia. D. S-ro Jayme Martins de Souza, civilinĝeniero

**Bilkov,** Pollando, Nadworna. D. S-ro Roman Wulczek, oficisto, „Kasa Chorych"

**Karlova Ves,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Antonin Havel, dogana ĉefserĝento, Karlova Ves č. 6 apud Bratislava

**Kazanlik,** Bulgario. D. S-ro Šmil Judov, laboristo, Str. Oskra

**Klundert,** Nederland, N. Brabant. D. S-ro J. K. Munters

**Kolberg,** Germanio, Pommern. D. S-ro Otto Jurczyk, kun-rektoro, Augustastr. 2

**Kronach,** Germanio, Bayern. D. S-ro Robert Fork, aktoro, Gasthof zum Klosterkeller

**Kunžak,** Ĉeĥoslovakio Bohemio. D. S-ro Richard Horatlik, komercisto, Kunžak 148

**Leibnitz,** Aŭstrio, Steiermark. D. S-ro Friedrich Ledineg, direktoro de burĝa lernejo

**Lier,** Belgique, Antwerpen. D. S-ro Josef Leflot, tegmentkovristo, Vaartlaan 47

**Michelstadt,** Germanio, Hessen. D. F-ino Hedwig Pauli, instruistino

**Mikulovice-Niklasdorf,** Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Miroslav Rumpel, fervoja oficisto

**Napoli,** Italio. D. Comm. Nicola Magliulo, profesoro, Via Duomo 202

VD. Rag. Fortunato Cappabianca, fervojoficisto, Sez. Mov. FF. SS. Via Raffaele de Cesare 16

**Nemecká L-upča,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Pavel Novák, bankprokuristo, Nemecká L-upča župa Podtatranská

**Neuern,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. F-ino Elfriede Schwarzbach, fakinstruistino, Glashüttner-Straße

**New Castle,** Nord Ameriko, Pennsylvania. D. S-ro Stephen Varzaly, grekokatolika pastro, 205 East Reynolds Street

**Niemes,** Ĉeĥoslovakio, Distr. Leipa. D. S-ro Rudolf Burkert, kompostisto, Kalvariengasse 34, IV

**Oviedo,** Hispanio. D. S-ro Antonio Jimenez Mora, kapitano, Str. Argŭelles 3-1°

**Parnik,** u České Třebové, Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. F-ino Jitka Čechová, instruistino

**Pecs,** Hungario, Baranya. D. S-ro Ignac Balla, advokato, Kiralystr. 14

VD. F-ino Ilonka Fiedler, oficistino, Munkácsy Mihaly ucca 27

**Polička,** Ĉeĥoslovakio, Bohemio. D. S-ro Oldřich Vaněk, privata oficisto, Hpř. 156

**Prostějov,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Antonin Tyl, peltisto, Olomoucká 57

VD. S-ro Franz Heikenwälder, industria oficisto, Sladkovského 12

**Sosnovice,** Pollando, Bedzice. D. F-ino Gustawa Lewenholówná, fotografistino, Czysta 1

**Stonava,** Ĉeĥoslovakio, Silezio. D. S-ro Pavel Bubik, ministo, Stonava 460

**San Remo,** Italio. D. S-ro Roberto Donetti, ŝambristo, Grand Hotel Bellevue

**Wealdstone** ap. Harrow, Britl. Middlesex. D. S-ro Sidney Hodges, fervoja signalisto, 96 Herga Rd.

**Wien-okcidento,** Aŭstrio. D. S-ro Franz Vasta, asek. oficisto, Reindorfgasse 13, XIV

**Woerden,** Nederland, Zuid Holland. D. S-ro Johannes Franciscus Josephus Heijbers, polica inspektoro, kaj stenografa instruisto, 14 Groenendaal

**Znaim,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Rudolf Sobotka, fakinstruisto, Pasteurgasse 5

VD. S-ro Karl Czerweny, fakinstruisto, Villengasse 3

**Zwickau i. Nordböhmen,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Heinrich Schuster, oficisto, Rumburgerstraße 105

VD. S-ino Berta Ditie, Marktplatz 144

**Delegitoj-ŝanĝoj:**

**Brno,** Ĉeĥoslovakio, Moravio. D. S-ro Franz Podloučka, supera kalkula konsilisto, Brünn, Hohlweggasse 82

VD. S-ro Josef Bednář, direktoro de komerclernejo, Brno, Dobrovského 16

**Rakospalota-Ujpest,** Hungario, Pest m. D. S-ro Istvan Kiss, oficisto, Imre-u. 32

**Konstantinoplo,** Turkio. D. S-ro Hilmi Djelil Bej, inĝeniero, Skordoliastr. 12, Konstantinopel-Bechiktache

**Lugano,** Svislando, Ticino. D. S-ro Carlo Bassi, pentristo, Corso Pestalozzi 23

**Newcastle on Tyne,** Britl. Northumberland. D. S-ro Arthur Rees Fairbain, inĝeniero, 21 St Mary's Terrace, Ryton on-Tyne

VD. S-ro Georg Shepherd, 166 Hotspur Str. Heaton

**Tartu,** Estonio. D. S-ro Rudolf Blaufeld, drogvendisto, Jaamatän 32

VD. S-ro Evald Mälson, studento de matematiko, Jaamatän 8 kr. 5

**Wien-sudokcidento.** D. S-ro Aug. Alex. Taussig, drogejo, Wiedner Hauptstraße 24, IV

**Žilina,** Ĉenoslovakio. D. S-ro Ludovik Goldstein, vendejestro, Nameste slobody c-o Martin Rothmann

VD. F-ino Kamilla Hlučilová, poŝtoficistino, Poštový úrad

**En la jenaj lokoj provizore ne plu estas delegitoj:**

Bedlington, Britl. Northumberland; Crowley, Usono; Iserthal ap. Semily, Ĉeĥoslovakio; Korsnäs, Svedlando; Rattenberg, Aŭstrio; Teichstatt, Ĉeĥoslovakio.

Genève, 20 novembro 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas!

∴ La sekretario de UEA por London, S-ro Harry A. Epton, faris al mi tre grandan servon, ebligante la ricevon de sciigoj de antaŭ 30 jaroj en Anglujon elmigrinta konatulo, kio instigas min, esprimi publike mian plej sinceran dankon.

E. Hay, Delegito de UEA en Zolkiew (Polujo).

∴ F-ino *Aurelia Apostolovska,* anino de UEA el Varna plej kore dankas al Ges-roj H. Jakob por ilia gastemeco dum ŝia longa restado en Ĝenevo. En fremda lando, neniun konante, ŝi trovis ĉe ili veran fratan akcepton. Ankaŭ al F-ino Diekman en Ĝenevo, F-ino Rapfer kaj S-ro Milĉeff en Bern por iliaj afablaj servoj ŝi tutkore dankas.

∴ F-ino *Emma Ullrich* en Zwickaŭ, Norda Bohemio, koregе dankas al la Delegito de UEA S-ro Steffanelli en Trieste por afablaj informoj rilate la vojaĝon en la Karstmontaro, kie ŝi vizitis militistan tombon. Precipe ŝi dankas al la samideano S-ro Maceani en Goricia, kiu treege afable kaj amike konvinkis ŝin pri samideana helpemeco.

∴ F-ino *J. Šupichová* kaj *M. Moudrá,* instruistinoj en Praha, Ĉeĥoslovakio, elkore dankas al S-ino A. Blondel en Genève kaj al S-ro F. Streit en Bolligen-Bern (Svislando) pro iliaj tre afablaj servo kaj helpemo.

∴ S-ro *André Moussier* del. en Vienne, Isère, Franclando, kore dankas la UEA-delegitojn en Cannes, Nice, Grasse, Toulon, Avignon, vicdelegitinon en Nice, por la sciigoj kaj konsiloj donitaj pri organizado de „La Esperantista Marbordejo" (La Plage espérantiste) kaj al Gesinjoroj Cresp, kiuj agrabligis lian restadon.

∴ *Kálmán Schwartz,* optikisto en Gyöngyös, Hungarujo dankas por diversaj servoj dum sia negoca vojaĝo: al R. Klajič kaj jug. Ljub. Jevremovič en Beograd, Marko Nesič en Novi Sad, Béla Spitzer en Subotica, Anny Hahn en Sušak, dr. Dušan Maruzzi en Zagreb, Gorge Radovanovič en Sremska Mitrovica, dr. Adam Lacalendola en Bari, Corrado Grazzini en Firenze, Gernando Morfini en Mantova, Josefo Sikič en Fiume, Radoslav Kuzmanoff Triĉkoff en Vratza, Rubin Colm en Botošani, Franko Kossutta en Braila, E. Morariu en Cluj.

# LINGVAJ STUDOJ

## Optikaj iloj.

Ĉi tie ni komencas serion da nomaretoj, verkitaj kun helpo de necesaj dokumentoj, kiu celos kontribui al unueciga ellaboro de nia komuna vortaro. Per tio ni ĉesas periodon de polemiko kaj teoria diskutado: de nun ni prezentos sub la rubriko „Lingvaj studoj" la terminojn kontrolitajn kaj reciproke akorditajn.

**binoklo** — ĝenerala nomo por ĉiuj specoj de okulvitroj, nazumoj, lornionoj, t. e. por duvitraj iletoj porteblaj ĉe la okuloj por pli klara vidado aŭ ŝirmado de troforta lumo, polvo, varmego.

**binoklo mantenila** (face-à-main) — binoklo kun longa mantenilo, uzata de miopaj aŭ malmiopaj sinjorinoj, kiuj ne volas surmeti nazumon aŭ okulvitrojn.

**dulorneto** (Doppel-Operngucker) — dutuba galilea lorno uzata en teatro, cirko, sportkampo, por pli detale vidi la malproksimaĵojn.

**dulorneto mantenila** (damskij binoklj) — dulorneto kun longa mantenilo uzata de sinjorinoj kiuj trovas malkonvena aŭ malfacila la simplan manieron teni la dulorneton antaŭ la okuloj per la manoj.

**dulorno** (jumelle) — dutuba galilea lorno, simila al la dulorneto, sed pli forte grandiganta (3—9-foje) ol tiu lasta (1,5—2-foje).

**dulorno prisma** vidigas pli reliefe ol simpla dulorno. Ĝi estas uzata de oficiroj, ĉasistoj, marestroj.

**ekvatorialo** — astronoma vidilo movebla sur preciza piedapogilo starigita laŭ la ĉiela akso kaj ekvatoro.

**fokuso** — punkto, kie kunvergas radioj pasintaj tra la lenso aŭ reflektitaj de la konkava spegulo.

**foto** — fotografia bildo.

**fotoaparato** — ilo por fari negativojn de la fotoj.

**fotoplato** — plato kiu ricevas negativan fotobildon.

**galilea lorno** — unutuba lorno kun konkava okullenso, kies grandiga forto ne povas superi dek fojojn.

**grandiga vitro** — konveksa lenso kiu montras tre proksimajn objektojn grandaj ĉirkaŭ du- aŭ trifoje.

**ĝustigi** per turnebla butono — adaptigi la okullenson al la klara vidado de la okulo; miopuloj devas turnigi la okullensan tubon pli profunden ol la normaluloj, kaj des pli ol la malmiopuloj.

**lenso** — optika vitro, ordinare gluita el du aŭ tri simplaj lensoj.

**lorneto** — unutuba lorno, kiu grandigas du ĝis tri fojoj.

**lorno** — unutuba vidilo, kiu konsistas en unu aŭ pluraj metaltuboj englitigeblaj kun unu objektivo kaj unu okullenso.

**lornego** — astronomia lorno kun objektivo pli larĝa ol 100 mm. kiu povas grandigi pli ol 200-foje.

**lorno ĉiela** (aŭ astronomia) havigas returnitan imaĝon, kaj povas esti uzata sen piedapogilo nur kun grandigo ne pli forta ol 10-foja; kun simpla piedapogilo oni povas uzi grandigon ne pli ol 300-fojan.

**lorno tera** donas normalajn imaĝojn, sed ĝia okullenso por tio estas pli komplikita ol tiu de la ĉiela lorno.

**lupeo** (grandiga vitro) ŝajnas esti vorto nenecesa por la komuna lingvo.

**mikroskopo** — minimume kvarvitra unutuba ilo por detale observi etajn objektojn, metitajn sur la tableto de ĝia piedapogilo. Scienca mikroskopo pligrandigas laŭbezone de 30—3000-foje.

**monoklo** — unuopa okulvitro uzata de altrangaj dandoj por la sama celo por kiu estas uzata nazumo aŭ okulvitroj.

**nazumo** — binoklo portebla sur la nazo sen orel-dratoj.

**objektivo** — lenso kiu ricevas radiojn de la objekto por ilin trasendi al la okullenso. Objektivo de lorno estas pli granda ol ĝia okullenso. Objektivo de mikroskopo estas malpli granda ol ĝia okullenso. Kun la sama objektivo la lorno grandigas des pli, ju malpli granda estas la okullenso. Kun la sama okullenso la mikroskopo grandigas des pli, ju malpli granda estas ĝia objektivo.

**okulario** (okullenso) — vorto, kiu ŝajnas nenecesa por la komuna lingvo.

**okullenso** — optike farita vitro (larĝa 5—10 mm), kiu elsendas al la okulo la radiojn kiuj iris tra la tuta optika ilo. Astronomo ne tuŝas objektivon de sia lorno, kiu servas daŭre, li nur ŝanĝas la okullensojn por ŝanĝi la grandigan forton de la lorno.

**okulvitroj** — binoklo kun du dratoj per kiuj ĝi estas fiksebla sur la oreloj, samtempe apogita sur la nazo. *Okulvitroj konveksaj* (grandigaj) servas por malmiopuloj rigardantaj proksime; *okulvitroj konkavaj* servas por miopulo rigardantaj malproksimen; *okulvitroj koloraj* ŝirmas la okulojn de la lumo tro forta; *okulvitroj ŝirmaj* servas kontraŭ polvo aŭ aeropremo, al motociklistoj, aviadistoj, aŭtoveturantoj kaj al diversaj metiistoj.

**paralaksa** instalo (de lorno) — laŭ la ĉiela akso.

**periskopo** — tureto sur submarebla ŝipo kun aparato, kiu vidigas la horizonton. Simila ilo en milita tranĉeo.

**prismo** — trilanka vitropeco por devojigi aŭ diskolorigi lumradiojn.

**projektilo** — lanterno kun lensaro kaj lumfonto, por montri sur ekrano filmajn aŭ senmovajn bildojn.

**reflekti** radiojn — irigi ilin laŭ mala direkto, spegulumi.

**reflektoro** — forta lanterno por lumigi nokte malproksimajn objektojn; teleskopo kun spegulo.

**refraktoro** — lornego, teleskopo kun objektivo.

**stereo-** — kiu vidigas reliefe, spacprofunde.

**tele-** — kiu funkcias malproksimen.

**teleskopo** — astronomia lornego, precipe kun spegulo.

**ultra-mikroskopo** — mikroskopo, kiu grandigas pli ol 5000-foje, montrante jam ne objektojn, sed iliajn „ombrojn".

---

## Rimarkoj pri la artikolo „Kelkaj Zamenhofaj esprimoj"

**(„Esperanto", 1925, paĝo 90)**

de *William Bailey.*

I. *Rilate* kun akuzativo ne estas novaĵo. Jen mi donas ekzemplojn sufiĉe malnovajn:

*rilate la praktikan utilon* — La Esperantisto, febr. 1891 (F. K. 262/24)
*rilate tiun ĉi ponton* — La Esperantisto, julio 1892 (F. K. 226/7)
*rilate tiun ĉi objekton* — La Esperantisto, majo 1893 (F. K, 191/22)
*rilate vortojn* — traduko de „Kain" (Kolman), 1896.

II. La formo *centono da milimetro* ne estas ĝusta, malgraŭ F. K. 226/9 25. *Centono, duono* k. c. per si mem esprimas ne *kvanton*, sed *proporcion*. Rimarku en la Ekzercaro, § 14: „Tri estas duono *de* ses. Ok estas kvar kvinonoj *de* dek. . . tricentsesdek-sesono *de* jaro." Tamen „kvar kaj duonon *da* frankoj" en tiu sama ekzerco estas ĝusta, ĉar *kvar kaj duono* estas *kvanto*.

Tiel same la formo *duonon da krono* (F. K. 73/21) ne estas bona. Se la servanto dividus kvinŝilingan monerojn en du egalajn partojn kaj donus unu el tiuj partoj al Swift, li donus duonon *de* krono. Sed li donis kompletan moneron, kies valoro estas $2^1/_2$ ŝilingoj, sekve *duonkronon* aŭ *kronduonon*. La lasta formo estas pli severe logika kaj pli konforma al la 11-a regulo de la Plena Gramatiko („la ĉefa vorto staras en la fino"); sed la unuan oni ordinare preferas pro ĝia pli vasta internacieco, ekzemple: *demilitre, halfpenny, Halbgroschen.*

III. Anstataŭ *nombro de leteroj ricevitaj estas granda* skribu prefere: *la nombro de la leteroj ricevitaj estas granda.* Ekzemple:

*la nombro de la dancantoj estis granda* — F. K. 145/35
*la nombron de la studantoj* — F. K. 207/31
*la nombron de la superfluaj tagoj* — F. K. 213/12
*la nombron de la vortoj ellernotaj* — F. K. 246/19*).

IV. *Por solenigi la ambaŭ datojn.* (Vidu la Lingvan Respondo 54.

*) *Nombro da* esprimas *ajon*, dum *nombro de la* ordinare esprimas *econ* (multecon aŭ malmultecon).

## Alvokoj!

*Esperantista gazeto kaj precipe internacia estas superŝutata de aro da alvokoj, vortriĉaj kaj bonintencaj sed plej ofte preseblaj nur mallongigite. Plej ofte temas pri esperantistaj aferoj, ekspozicioj, serĉoj de rilatoj kaj tiel plu. Kelkaj el tiuj alvokoj tre bone povus aperi kiel pagataj anoncoj kaj estonte ni devas postuli pagon. La spaco disponebla al „Alvokoj" estas limigita; la legantaro prave plendus se la tuta gazeto enhavus po duono da alvokoj, anoncoj kaj reklamoj.* (Red.)

* * *

## Ekspozicio.

Formiĝis en Lublin, Pollando, komitato por Esp. Ekspozicio Migranta, servanta al ĉiuj pollandaj esp. organizaĵoj. Tiu-ĉi ekspozicio celas forigi la unuopajn petojn pri alsendotaj objektoj, centrigi ĉion kaj disponigi la tuton al esp. organizaĵoj enlandaj laŭbezone. La komitato petas alsendon de ĉiaj dokumentoj, libroj, presaĵoj utiligeblaj.

Ĉiu sendonto ricevos proporcian kvanton da belaj ilustritaj poŝtkartoj kun popoltipoj kaj vidindaĵoj.

Ĉiujn sendaĵojn, por kiuj ni antaŭe plej kore dankas, ni petas sendi al la adreso: Seweryn Przybyzowski, vic-del. de UEA, Lublin, Graniczna 3. Polio.

*

## Kavalkado.

Dum la festo de „Tri Reĝoj", 6 januaro 1926 okazos en Sevilla kavalkado, disdonanta al enurbaj infanoj malriĉaj kaj malsanaj, dolĉaĵojn, ludilojn ktp.

Pasintan jaron, la aninoj de Sevilla Esperantista Grupo, aranĝis dekdu pupojn vestitajn en tipaj vestoj, reprezentantaj diversajn naciojn de la mondo, por donaci al la Reĝoj Melĥioro, Gasparo kaj Baltasaro, kiuj disdonis ilin inter la malfeliĉaj geinfanoj de aziloj kaj hospitaloj, ĝojigante la koron kaj senton de tiuj geinfanoj.

Per tiu donaco la Sevilla Esp. Grupo faris efikan propagandon por nia lingvo, ĉar la pupoj estis la plej bele ornamitaj kaj rigarditaj de la tuta loĝantaro.

Sed la proksiman jaron tiu grupo deziras fari pli ampleksan donacon de ludiloj kaj de pupoj vestitaj arte kaj tipe, ornamitaj laŭ vestaĵoj de diversaj nacioj.

Tial, mi petas korege ĉiujn miajn kolegojn, la Delegitojn de UEA, diskonigu tiun simpatian feston kaj precipe la peton al esperantistaj fraŭlinoj, pri alsendo de pupoj altaj 30 aŭ 40 cm. Tiuj donacoj devos alveni antaŭ la tago 31 decembro 1925, kaj se estus eble antaŭ la tago 24-a de tiu sama monato.

Al ĉiu donaconto, krom la plej koran dankemon de la Sevilla Esp. Grupo, oni sendos ankaŭ rememorigâjon de tiu Kavalkado.

La donacoj de ludiloj, pupoj ktp. oni devas fari al la jena adreso: al la Sevilla Esperantista Grupo, Real Sociedad Económica Sevillana de Amigos del Pais, Rioja 25, Sevilla (Hispanujo). (Por la festo de la tri Reĝoj).

Ne forgesu tiun peton estimataj Delegitoj kaj antaŭdankante vin, restas sindone kaj reciproke, via samcelanta kolego.

*Carlos Martinez*
delegito de UEA en Sevilla.

*

## Zamenhof-Monumento.

La Organiza Komitato esperis raporti al la Deksepa Kongreso, ke la laboroj por la Monumento finis. Bedaŭrinde tio ne povis okazi pro kaprico de la desegnisto de la Monumento kiu postulis tro altan sumon kaj devigis nin iri al alia skulptisto. Kvankam la afero estas nun tute amike aranĝita tio prokrastis la finpretigon. Sed nun la Monumento jam staras sur sia loko kaj ĉio estas en ordo.

D-ro Robin skribas al mi en sia lasta letero datumita 28-a de Julio jene. — La Monumento estas tute preta. Ĝi aspektas bele kaj superas laŭ artista vidopunkto najbarajn monumentojn. Ni povas fiere kaj ĝoje montri ĝin al la tutmonda samideanaro, kiu ĝin starigis. Kvankam la definitivaj ornamaĵoj ne estas plenumitaj, mi prenas la kuraĝon, en la nomo de la Varsovia Loka Komitato, proponi al la Internacia Centra Komitato, ke ĝi invitu la Kongresanojn Varsovion por viziti la Monumenton de nia Majstro! —

La „Definitivaj ornamaĵoj" aluditaj de D-ro Robin, estas nur la florbedoj kaj la ŝtuparoj, kiuj cetere ankaŭ estos prizorgotaj tre baldaŭ, tuj post kiam ni ricevos la permeson de la tombeja estraro. Pri la financa stato mi informas ke, ni havas en la kaso ĉirkaŭ L. 63 funtojn kaj venas ankoraŭ mono de aliaj flankoj. Mi ricevis ekzemple pli ol tri funtojn dum la kongreso de niaj Parizaj samideanoj.

Restas nur unu demando nun kiun vi devas decidi kaj alia kiun devas decidi la Oficialaj Institucioj. La unua estas: ĉu daŭrigi la monkolekton? Vi devas nun eldiri la vorton, ĉu ni daŭrigu la monkolekton en la senco de nia unua cirkulero, por alia memoriga celo, aŭ fermi la libron kaj la kason. La dua demando estas la oficiala inaŭguro de la monumento. Laŭ la Viena decido oni ne devas ĝin longigi pli ol estas ebla. La propono de D-ro Robin ŝajnas al mi ne efektivigebla post la unua kongreso pro neoportuneco. Sed la fakto ke la kongreso en 1927 okazos en Danzig eble donos bonegan oportunon por fari tiam komunan pilgrimon al la tombo de nia honorata Majstro.

Mi finas per elkoraj dankesprimoj en la nomo de la Internacia Por-monumenta Komitato al niaj kunhelpantoj kaj donacantoj por ilia helpo, kiu ebligis al ni efektivigi la planon. Mi petas vian aprobon al la raporto. *T. Applebaum.*

*

## Esperanto en la servo de novaj eltrovoj.

Estus interese, se alilandanoj publikigus novajn eltrovojn de ĝenerala intereso en la Esp.-gazetaro. Per tio oni pruvus la utilon de Esperanto kaj ĝian disvastigon tra la mondo.

Ĉar multaj geesperantistoj amatore sin okupas pri la fotografado, ofte en la intereso de nia propagando, mi opinas, ke estas utile atentigi ilin pri nova eltrovo.

Tiuj, kiuj uzadas platajn filmojn, bone scias, ke tro ofte la negativoj estas malbonigitaj de lumstrioj aŭ lumfaskoj, ĉar la lumo iel penetris en unu el la anguloj aŭ flankoj de la kartona filmskatoleto. Spertuloj ofte vane serĉis rimedon por eviti tion, ĝis kiam S-ro Boogert en Hago antaŭ nelonge konstruis novan modelon, kiu garantias, ke tiu maloportunaĵo ne povas okazi

Anstataŭ ĉe la flanko, kiel ordinare, oni tiras la impresigitan filmon el la mezo de la filmujo, kie troviĝas fendeto. La fizika principo estas, ke la lumradioj neniam faras du angulojn. Rimarkinde ankaŭ estas, ke oni povas eligi kiun ajn impresigitan filmon por aperigi la bildon, ne elprenante la skatoleton el la ujo.

Pri la nova eltrovo, kiu estas patentita en ĉiuj landoj, la Societo Anonima „Nebo", Laan van Neerdervoort 18 en Hago (Nederlando) volonte donas informojn. La pakitaj filmoj estas haveblaj pere de fotografaj magazenoj.

## Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo.

La 11-an de oktobro estis starigata Unuiĝo por Akcelo de la Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo.

La kotizaĵo estas minimume unu holanda guldeno jare.

Kiel estraranino, nura Esperantistino, mi petas al ĉiuj interesuloj turni sin al mia adreso.

*Julia Isbrucker*
v. Beverningkstraat 10, Hago (Nederlando).

*

## Esp. Ĵurnalista Servo.

Ni sciigas ke ni fondis en Warszawa (Varsovio) organizaĵon „Esperanta Ĵurnalista Servo", kies celo estas meti Esperanton al la servo de diverslingva gazetaro per konstanta liverado de ĉiuspecaj presotaĵoj, ricevotaj de niaj esperantaj kunlaborantoj (precipe ekstereŭropanoj). Ni bezonas:

a) aktualajn sciigojn, raportojn kaj artikolojn pri la socia, ekonomia kaj politika vivo.

b) aktualajn fotografaĵojn pri eksterordinaraj okazintaĵoj (katastrofoj, konferencoj ktp.) Rimarko: ne ilustraĵoj laŭ kiuj preskaŭ neeble estas fari bonajn kliŝojn.

c) interesajn priskribojn kaj artikolojn pri kulturo, civilizo moroj, spiritaj movadoj, teatraj okazintaĵoj ktp. preferinde kun fotografaĵoj.

Ĉiuj cititaj presotaĵoj estos laŭdezire pagataj aŭ interŝanĝataj per similaj de nia lando.

Adreso: Leszno 28—13, Warszawa, Pollando.

*

## Pacmovado.

La 11 novembro okazis en Hago propagandvespero por la paco, laŭ aranĝo de la „Neniam-plu-Milito-Federacio." Ĝi estis granda sukceso! Ses el la plej konataj oratoroj, reprezentantoj de diversaj sociaj opinioj, laŭvice alparolis la amase kunvenintajn ĉeestantojn. Por ni estis plej grava, la parolado de S-ino Isbrücker, kiel prezidantino de Universala Esp. Pacifista Ligo. Denove montriĝis, ke ankaŭ en propra lando inter la ne-esperantistoj, ŝia senĉesa batalado por nia afero estas multe ŝatata.

Ĉe la enirejo de la granda salono, la Haga-grupo de U. E. P. L. disdonis flugfolieton, kiu en malmultaj vortoj atentigis pri la neceseco de Esperanto por la Pacmovado kaj la laboro de nia Ligo.

Pac-amikoj en ĉiu loko, aliĝu al la Universala Esp. Pacifista Ligo! Ni bezonas ĉies subtenon!

*Henriëtta de Lange*
Fred. Hendriklaan 65, Den Haag (Nederlando).

---

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-sroj D-ro *Kamaryt,* delegito de UEA en Bratislava, Ĉeĥoslovakio, naskiĝis filineto nomata Zdenička.

**Edziĝoj.** — F-ino *Martha Metzker,* sekretariino de Esperanto-Societo „Danubio", Wien, edziniĝis kun S-ro Frederiko Kohn, fabrikanto, Wien.

— S-ro *Hanns Hörtenhuber* kaj F-ino *Caecilia Ehart,* sekretarioj de la Esperanto-grupo en Salzburg, edziĝis. Koran gratulon!

— S-ro *Josef Steinsdörfer,* instruisto, delegito de UEA en Altzedlisch, Westböhmen, Ĉeĥoslovakio, kaj F-ino *Grell Roppert.*

**Honorigo.** — F-ino *Carolina Minio,* anino de UEA, docento de la Itala Esperanta Katedro kaj sekretario de Venezia Esperanto-grupo L. L. Zamenhof, doktoriĝis en fiziko, matematika scienco, ĉe Reĝa Padova Universitato.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

En Berlino mortis subite la 8 Oktobro nia membro la instruisto **Friedrich Ehrhardt.** La esperantistaro partoprenis al la enterigo kaj du delegitoj reprezentis UEA en la funebro.

S-ro **Nazareno Dall-Olmo,** fervora 23-jara samideano en Saint-Ouen (Seine), akcidente mortis, dum li sin banis en la rivero Marne la 17 aŭgusto. Al lia familio kaj precipe al lia frato, Jean, ni esprimas sincerajn kondolencojn de nia Asocio kaj de liaj multnombraj korespondantoj. *G. D.*



En la oktobra numero de „Esperanto" aperis informo pri la morto de S-ro **Josefo Silbernik,** frato de S-ino Klara Zamenhof, edzino de l' aŭtoro de Esperanto. Jam de la fondo de UEA S-ro Silbernik partoprenis ĝiajn laborojn, vigle kaj bonhumore klopodanta por ke ĉiuj esperantistoj en New-York aliĝu al la internacia organizaĵo. Je centoj kalkuliĝas la korespondaĵoj kiujn la Centra Oficejo interŝanĝis kun li kaj malgraŭ lia alta aĝo, li atingis 75 jarojn, lia persisteco kaj vigleco ne malgrandiĝis. UEA kaj precipe la C. O. sincere funebras pri tiu ĉi eminenta kunhelpanto kies memoro restas ĉe ĉiuj kiuj laboris aŭ rilatis kun li. *H. J.*

S-ino **Crocco Albina Barni,** 29-jara, amata edzino de S-ro Giovanni Barni, prezidanto de l' Laborista Esperanto-Grupo.

S-ro **Alfred Butschek,** nia fervora delegito en Iserthal, Ĉeĥoslovakio, mortis 8 septembro.

S-ro **Antono Šprinc,** membro de UEA kaj komitatano de loka esperantista societo en Olomouc, mortis 23 oktobro post dolora malsano. Li estis 38-jara, urba bibliotekisto kaj konsilanto. La esperantista societo perdas en li modelan bibliotekiston, tre bonan progagandan oratoron kaj seriozan defendanton en la urbestraro. Lia vivo estis tre laborriĉa, lia laboro senprofita, homama, progresema. Sinceraj danko kaj simpatio akompanas lian spiriton al nekonataj sferoj. Lia kadavro ripozu pace. Olomucaj esperantistoj konservos al li longedaŭran memoron. *A. K.*

S-ro **Raitaro Munemura,** delegito de UEA en Nagoja, Japan.

S-ro **D. N. Rusakio,** delegito de UEA en Nenedes, Greklando. (Laŭ „Samosa Esperantisto".)

Al nia fervora komitatano, S-ro **Minkov** en Sofia, la morto forrabis amatan patrinon.

S-ino **Amelia Sestini Ved. Grazzini,** patrino de profesoro Corrado Grazzini, delegito de UEA en Firenze.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto

**Problemo N-ro 160.**
*H. T. Bailey*, London
(Originalo)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 161.**
*H. Steding*, Bremen
(Originalo)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 162.**
*O. Würzburg*, Grand-Rapids.
(Laskers Chess Magazine 1905)



Blanko matas per la 3-a movo

**Etudo N-ro 2.**
*V. Košek*, Bohumilice
(Časopis Čes. Šachistů 1922



Movante, Blanko gajnas

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 158: 1. Kb4—a5, Rd4—e5 aŭ c6—c5, 2. Ka5—c3 m d6—d5, 2. Db3—c3 m.

N-ro 159: 1. De1—g1, h5×g4, 2. Re6—f5 ktp., Rh3—h4, 2. Dg1—g2 ktp., h5—h4, 2. Dg1—f2 ktp.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 142 ĝis 149, 153 G. Meyer, Wien; 155, 156, 157 H Steding, Bremen.

*Korespondo:*

S-ro Boissevain. En 154 ne estas eble 1 Ĉc4—b2, R×Ĉ, 2. Kg2 pro Re5. La nomoj de la figuroj: Reĝo, Damo, Turo Kuriero, Ĉevalo, Peono. — S-ro M. Ŝitera, Omaha. Koregan gratulon okaze de Via edziĝo. Espereble Vi bonsane revenis Amerikon. —

*Notoj kaj sciigoj.*

Nia samideano J. Türn, vicprezidanto de Esp. Asocio de Estonio kaj prezidanto de Tallinn'a societo „Espero" iĝis ĉampiono de Estonio, venkinte la eksĉampionon Rinne per 6 gajnoj, 1 malgajno kaj 7 nuloj. —

Probl. 136 estas necese aldoni blankan Pa5 kaj nigran Pe7 por malebligi la duasolvon 1. Ĉb6—c4+, trovitan de S-ro Unguraitis. — N-ro 137. S-ro Steding trovis duasolvon 1. Dg8+. La aŭtoro rekonstruis la verkon jene: Bl: Rd3, Ta8, g8, Ka3, h7, Pd7, e2, N: Rb3, Ka2, b6, Ĉd6, Pd4, e3; sinmato per la 2-a, 1. Tg8—b8 ktp. — N-ro 148 estas necese aldoni blank Pg4 kaj nigran Pg5 por malebligi la duasolvon 1 Dc8—c7.

## AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

**Solvoj:**

102 = Nulla dies sine linea. — 103 = : ciferplato, tokiano, cigaredo, dokumento, citadelo, loterio, civilizi, zibeleto. — 104 = Papilio.

105. **Kvin literoj.**

1, 4, 1 = El senfina frataro unua | 1, 2, 4, 5 = Jen la nomo de ujo al vi. | 2, 3, 4, 5 = Amfibio kvakanta ĝi estas. | 3, 2, 4, 5 = River' estas de land' Italujo. | 3, 4, 5 = Ĝi loĝanton signifas, adepton. | 4, 1, 2 = Plu nenio, jen nun, plu neniu. | 4, 1, 4 = En momento ĉi tiu, estante. | 4, 3, 4, 5 = Tre malmulte kreskita uleto. | 5, 2, 5 = Flava aĵ', kiu estras la Mondon.—5, 2, 3, 4, 5 = Urb' de norda Afriko ĝi estas. | 1, 2, 3, 4, 5 = De Ĥaoso kaj Lum' estis filo.

* * *

## ALUMETLUDOJ.

106. **Por knaboj.**

AEIO

El sep aliaj alumetoj faru | literojn tri, kaj ilin intermetu | en jenan kvaron da vokaloj, por | ricevi vorton kiun | deziron manĝi montras.

107. **Verkant' kaj verko.**

O Ξ I H Ǝ

Alilokigu malpli | ol tri el tiuj ĉi | alumetojn por havi de germana | Geniulo la nomon; poste vi | el samaj eroj de la nomo de | la glora ulo faru | la nomon de plejfama lia verko.

108. **Plenigota versaĵeto.**

C* senk***ul' ekz***as? | Rigo**n sian se prak**kus ple** | Just**', la Mo*** bal*** dez****ĝus. | *u vere h**' ***ist** | sen k**p', ĉ* eta, *u n* eta? N* | n*n m*m es***ru. Malo***jo e**** | Juĝ***' senkulpa p** | la kulp' d* l* p***ta.

**(Metastasio)**

109. **Sor** d* ĉ*o.**

Ĉ** en la mo*** pas**, | *i* en la *on*' lac****, | *i* en la *on*' rom*****.

**Ĝustaj solvoj alvenintaj:**

87, 88, 90, 91: B. Weckhmann (Stettin). — 87, 88, 90, 91: C. Wiliam (Stettin). — 88, 92, 93: Risuke Tsuji (Osaka). — 93: S. Frantz (Parizo). — 102, 103: C. Wiliam (Stettin).

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unuloje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Tarifo:

**Korespondado:** Unu enskribo: 1.— frk. sv.
**Petoj kaj Proponoj:** 10 vortoj: 0.75 frk. sv.
**Reklamo:** Unu cm unukolona: 2.50 frk. sv.

**Naciaj prezoj:**

**Albanio:** 5, 3, 10 it. lir.; **Argentino:** 0 50, 0.40, 2 pesos oro: **Aŭstralio:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.: **Aŭstrio:** 1.25, 1, 3.50 ŝil.; **Belgio:** 4, 3, 10 frk. belg.; **Brazilo:** 1.25, 1, 3.50 Milr.; **Britlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Bulgario:** 30, 20, 60 levoj; **Ĉeĥoslovakio:** 6, 5, 10 kĉ.; **Ĉinio:** 0.25 0.20, 0.80 arĝ. dol.; **Danmarko kaj Islando:** 1, 0,75, 2,50 kr.: **Danzig:** 1, 0.75, 2.50 guld.; **Estonio:** 60, 50, 150 emk.; **Finnlando:** 6, 5, 20 fmk.; **Franclando:** 4, 3, 10 frk.; **Germanio:** 0.80, 0.60, 2 RM; **Greklando:** 12, 10, 30 dr.; **Hispanio:** 1,25, 1, 3 pes.; **Hungario:** 1, 0.75, 2.50 kr. oro: **Irlando:** 10 p., 6 p., 2 ŝil.; **Italio:** 5, 3, 10 lir.; **Japanio:** 0.50, 0.35, 1.25 jen.; **Jugoslavio:** 10, 8, 30 din.; **Latvio:** 1, 0,75, 5 lit.: **Luksemburgo:** 4, 3, 10 frk.: **Nederlando:** 0.50, 0.35, 1.25 guld.; **Norvegio,** 1, 0.75, 2.50 kr.; **Pollando:** 1, 0.75, 2.50 zlot; **Portugalo:** 4, 3, 10 esk.; **Svedio:** 0.50, 0.40, 2 kr.; **Svislando:** 1, 0.75, 2.50 frk., **Turkio:** 25, 20, 60 piastr.; **USA., Kanado, Centra ka Suda Ameriko, Antilioj, Kubo:** 0.20, 0.15, 0.50 dol.

# Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Argentino.

**Buenos-Aires.** S-ro Justo R. Amorin, Guevara 536, PM, PI bfl kĉl.

### Aŭstralio.

**Ivanhoe** (Victoria). S-ro L. Dowell, 9 Central Av., L, PI, PM kĉl,
**St. Kilda** (Victoria) S-ro E. Gleed, 138 Mitford St., L, PI kĉl.

### Aŭstrio.

**Parsch** (Salzburg), S-ro Eduard Macheiner, gimnaziano de l' VII-a klaso, PI kĉl.

### Belgio.

**Antwerpen.** F-ino Henriette de Bats, oficistino, Rotterdamstraat 91, PI kĉl.
**Bruxelles.** S-ro Fernand La Gravière, 83 Rue St. Josse, deziras korespondi nu letere en angla kaj hispana lingvoj.

### Brazilo.

**Miracema** (E. do Rio). S-ro inĝeniero Raphael Nogueira, Wellington Street, PI esperante, france, angle kaj portugale kĉl.

### Britlando.

**Kingston on Thames.** S-ro Leslie Dibben, The Lodge St. James' Road, PI, ĵurnaloj. Ĉiam respondos.

### Bulgario.

**Stara Zagora.** S-ro Ĥristo Karakolev, PI, L kun junuloj ĉiulandaj.

### Ĉeĥoslovakio.

**Böhmisch-Kamnitz.** S-ro F. Schwarzbach, Jonsbach 30, PM kĉl., sendas saman valoron.
**Břeclav** (Moravio). S-ro J. Poláček, ŝparkasoficisto, moneroj, PM kĉl., L pri abstinado.
**Bzenec** (Moravio). S-ro Jaroslav Vavruŝa, up. Antla, PM, PI, L kĉl.
**Česká Skalice.** S-ro Karel Janovský, No. 96, PI, PM. Nepre respondos.
**Česká Skalice.** S-ro Josef Schreiber, oficisto, PI en Esperanto kaj angla lingvo.
**Ivanovice na Hané.** S-ro Josef Mazur, deziras korespondi kun abelbredistoj.
**Kamýk nad Vltavou.** S-ro Ladislav Spálenský, PM.
**Kralupy nad Vltavou.** S-ro Bořivoj Benetka, UEA-del., atentigas interesantojn pri korespondado kaj kolektado je redaktata de li adresaro. Nepra fidindeco.
**Německý Brod.** S-ro František Vondra, 161 dol., PM, PK, PI, L, respondas certe.
**Obergrund bei Bodenbach,** S-ro Eduard Hübsch, PI, L kĉl.
**Pilsen** (Plzeň). S-ro Eduard Hage, instruisto, Borská 15, PM kĉl., almenaŭ 100. Ĉiam tuj respondos. Korespondos ankaŭ pri aliaj temoj.
**Písek.** S-ro Karel Keprta, gimnaziano, Rokycanova 41, PM, PI, PK, nacilingvaj gazetoj pri sporto.
**Písek.** S-ro Jan Sýkora, gimnaziano, Gymnasium, PM, monerojn, papermonon.
**Praha I.** S-ro Jára Šmejkal, Karoliny Světlé 14, PI bfl kĉl., certe respondos.
**Praha III.** S-ro Fr. Hanuš, Hroznová 8, PM, PI, L kĉl., esp. gaz. precipe kun ekstereŭropanoj. Certe respondos.
**Praha XI.** S-ro Jan Ev. Slávek, oficisto, Chodská 14, PI, L kun inteligentaj kaj seriozaj gesamideanoj ĉiulandaj, precipe el Afriko, Azio, Aŭstralio. Certe respondos
**Praha-Smíchov.** S-ro Karel Tolman, Zatlanka 1350, PM de Eŭropo kaj de transmaraj landoj laŭ katalogoj Yvert kaj Michel. Nur kun seriozaj filatelistoj kaj ne sole unuloje!
**Tetschen-Elbe.** S-ro Hans Roppert, Bräuhausgasse 88, PI, PM, L kĉl.
**Trutnov.** S-ro Karel Stárek, Pavla Kellera třída 4, PM.
**Úpice** (Bohemio). S-ro Rudolf Trojan, Žižkova 486, PI, gazetoj kĉl.
**Železnice u. Jičína.** S-ro Jaromír Zajíček, redaktoro, PI, L kĉl., escepte Aŭstrio kaj Germanio.

### Ĉinio.

**Yunghuogung.** S-ro Yü-bei-yuan, studento, dung-bei-ba-lien, Yunghuogung Lama Temple, sciigas al liaj korespondontoj, ke lia adreso ŝanĝiĝis. Li daŭre korespondas pri ĉina, tibeta kaj sanskrita lingvoj kun seriozaj lernantoj, ankaŭ angle.

### Estonio.

**Panikowitschi.** S-ro Alf. R. Jagomae, nacilingvaj taggazetoj. Ne korespondas.
**Petseri.** S-ro Eduard Kuhi, Riia tän. 7, PI bfl, nacilingvajn ĵurnalojn. Certe respondos.
**Tallinn.** S-ro Tamm, poŝtkesto 95, L, PK pri poŝto, milita servo, armiloj kĉl.
**Tallinn.** S-ro Eugen Dadajev, Juri Vilmsi 43a 4, PM, PK, ne sendas unue. Nur seriozaj kolektantoj.
**Tartu.** S-ro E. A. Jürgensen, farmacisto, Apoteko Lill & Hakkaja, L, PK pri la stato de gefarmaciistoj, oficistoj en apotekoj, kaj pri krematorio.

### Finnlando.

**Kristinestad.** S-ro J. Mansikka, PI bfl, PM, ankaŭ kun progresintaj kolektantoj. Gazetojn kaj revuojn esperantajn kaj nacilingvajn. Tuj respondas.

### Franclando.

**Beauvais** (Oise). S-ro Paul Pitre, 19 rue Louis Graves, sendos dek malsamajn francajn PM post ricevo de dek alilandaj.
**Nimes** (Gard). Commandant Allard, Bureau de Recrutement, PM.
**St. Genis-Laval.** F-ino Bloch, Observatoire de Lyon, L, PK kĉl.
**St. Genis-Laval.** S-ro Gindre, Observatoire de Lyon, L, PK kĉl.

### Germanio.

**Berchtesgaden** (Oberbayern). S-ro Franz Steindacher, Poststr. 57, L, PK, PI kĉl. Korespondas pri ĉia temo.
**Bochum.** S-ro W. Giessner, Helenenstr. 10, L, PK kĉl.
**Breslau.** 12 dekkvinjaraj lernantinoj deziras korespondi kun samaĝulinoj kĉl. Oni turnu sin al instruisto Fr. Bräuer, Breslau V, Gellertstr. 17.
**Dresden-N.** F-ino Erika Böttger, Weimarische Str. 6, PI bfl, L.
**Dresden-N.** F-ino Frida Richter, Döbelner Str. 35, Eg., PI bfl, L.
**Görlitz.** S-ro Wilhelm Möhle, kompostisto, Pontestr. 7, III, L, PK, PI bfl, PM, espaĵojn, gaz. kĉl. Ĉiam respondos.
**Gotha.** S-ro Karl Frehner, dogana inspektoro, Waltershäuserstr. 7, PI, PM kĉl. Certe respondos.
**Höntrop-Wattenscheid** (Westfalen). S-ro Wilhelm Kolter, Bismarckstr. 11, kĉl.
**Kleinkagen,** Post Zehren (Sachsen). S-ro M. Pruss, L, PK, PI kĉl.
**Untertürkheim.** S-ro Karl Schmauder, Mercedesstr. 24, PM, papermono.
**Westenfeld-Wattenscheid** (Westfalen). S-ro Wilhelm Berlin, Bahnhofstr. 46, kĉl.
**Westenfeld-Wattenscheid** (Westfalen). S-ro Fritz Sutor, Wilhelmstr. 10, kĉl.
**Wattenscheid** (Westfalen). S-ro August Pedak, Bernardstr. 13, kĉl.
**Wattenscheid** (Westfalen). S-ro Leo Chmielorz, Friedrichstr. 16, kĉl., ĉiam respondas.
**Wattenscheid** (Westfalen). F-ino Alma Weber, Hüllostr. 106, kĉl.
**Wattenscheid** (Westfalen). S-ro Heinrich Wegmann, Johannesstr. 3, kĉl.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro J. Gorritz, Wad Ras 195, L, PI kĉl.
**Palma de Mallorca** (Arrabae). S-ro Juan Matas, Bayarte 16, PM kĉl. Skribu legeble. Nepre respondos.

### Hungario.

**Szombathely.** S-ro Ad. Leszler, Nagykar u. 14, L pri popolfabeloj, nacia literaturo, kĉl.

### Italio.

**Genova.** S-ro Menichi, Via di Chiappeto N. 8 A. 2, PM kĉl., garantias respondon.
**Genova.** S-ro Guecco Enulio, piazza Francia, L, PK pri naturismo, artaj nudaĵoj, seksaj moroj, sociaj kutimoj kĉl. Seriozaj celoj kaj certa respondo.

### Japanlando.

**Osaka.** S-ro Kumao Takahaŝi, ĉe kaŝima banko, Higaŝinoĉo, Saĉumabori, Niŝiku, PI, L kĉl. Bone skribu vian adreson.

### Latvio.

**Aluksne.** S-ro Karlo Kresauskis, Dzelzscela ielā 1, dz. 3, PM, PI, PK.

### Nederlando.

**Venlo.** S-ro Pierre Pijpers, Heutzstraat 51, PM laŭ Yvert kaj Michel kun progresintaj kolektantoj. Malakceptas bagatelojn.

### Pollando.

Dabrowa-Gór. S-ro Zygmunt Fisz, 3 go Maja 13, PI-vidaĵoj, L kĉl., respondas certe.

Lieszyn. Fraŭlo Karl Wojnar, Frysztacka 36, PI bfl. PM kĉl. Li sendos vidaĵkartojn el la fama limurbo pol-ĉeĥa: Cieszyn-Český Těšín.

Lwów. S-ro Henriko Novy, str. Kollalaja 8, II, PI, PM kĉl.

### Rumanio.

Alba-Julia. S-ro Ernesto Schlesinger, Fa. Fuchs, L, PK, kun skoltoj kaj hebreoj.

### Svislando.

Leysin. S-ro W. Cereda, Kliniko Sémiramio, PM nur kun Eŭropo, ne sendas unue. Nepre respondas.

Leysin. S-ro A. Paroff, Kliniko Sémiramio, PM de Bulgario nur kun Eŭropo, ne sendas unue. Nepre respondas.

### Usono.

Orange (Texas). S-ro K. A. Susiki, japana samideano, P. O. Box 79, PI kĉl.

---

## Petoj kaj Proponoj

### Internacia Komerco.

---

**Dankesprimo!** Al ĉiuj samideanoj, kiuj bonvolis konforme al mia alvoko, sendi al mi sialandajn gazetojn, mi esprimas plej varman dankon. Bedaŭre mi ne konas la adresojn de ĉiuj sendintoj, ekz. la afablan sendinton de bela kolekto de arteldonaĵoj el Finnlando, kiu do ĝis nun ne ricevis de mi ilustritan poŝtkarton, bonvolu komuniki al mi sian adreson. La ekspozicio prokrastiĝis pro teknikaj malfacilaĵoj je kelkaj monatoj Por pliriĉigi la kolekton, mi volonte akceptos pluajn sendaĵojn. Ĉiu sendinto ricevos ilustritan poŝtkarton de mia urbo kaj post la okazigo de la ekspozicio fotografaĵon de ĝi. Wl. Miekicki, str. Staszyca 25, Poznan, Pol.

**Filatelistoj kaj kolektistoj de PI!** Kiu deziras akiri verajn ĉeĥajn granatojn aŭ belajn fot-aĵojn el ĉeĥaj regionoj, sendu ofertojn. Mi akceptas PI por PI aŭ ĉeĥaj granatoj, plue mi akceptas PM uzitajn kaj neuzitajn, plej malmulte 500 pecojn per ordinara letero kaj 1000 pecojn per rekomendita letero, ili povas esti plej multe 4 pecoj de unu valoro, plej malmultekosta peco laŭ Senf 0.40—0.20 frk. Interŝanĝojn-sendaĵojn akceptas: Hendriko Maŝin, organisto, Třebivlice N-ro 90, apud Lovosic, Ĉeĥoslovakujo.

**Filatelistoj!** Sendu al mi PM malsamajn el via lando kiujn mi interŝanĝas kun samkvanto el mia lando. S-ro Rag. Alfredo Crestoni, delegito de UEA, Legnago (Verono, Italio).

**Filatelistoj!** Mi vendas ĉiujn nunajn PM de Svedio laŭ nominala valoro plus 10 proc. kaj sendkostoj 0,45 sv. kr. Pagu per sveda mono antaŭe ne malpli ol 5 svedajn kronojn. Mi ankaŭ interŝanĝas PM kaj PK kĉl., escepte Germanio, laŭ Yvert 1926. Sendu mankoliston Ne sendas unue. Deziras aĉeti ĉiulandajn kompletajn seriojn, kilomarkojn, misiajn markojn, PK ktp. pogrande kaj akceptas presproponojn. Referencoj: la UEA-delegito en Gelle. S-ro Harald E. Norgren, S. Centralgatan 11, Gelle, Svedio.

**Filatelistoj!** Bonvolu postuli miajn belajn elekto-sendaĵojn de PM de Eŭropo kaj mian novan prezaron. S-ro Schultze, Koeslin (Pomm.), Germ., Postschliessfach 5.

**Filatelistoj!** Por 100 PM rekomende senditaj mi resendos tuj saman kvanton kaj valoron. D. Thiry, farmaciisto, Landelies, Belgujo.

**Filatelistoj!** 146 diversaj germanaj poŝtmarkoj (6 fr. valoron) por nur 3 svisaj frankoj aŭ saman valoron alialande; 200 diversaj germanaj (10 fr. valoron) por nur 5 svisaj frankoj. Skribu al S-ro O. Pfeiffer, Glienicke ĉe Beeskow, German.

**Interŝanĝo.** Mi sendas ĉeĥoslovakajn PM uzitajn kaj neuzitajn por originalaj prezoj sen ia ajn alpago, mona kurzo laŭ tagaj notoj; por tio mi postulas uzitajn kaj neuzitajn PM el via lando. Ofertojn akceptas kaj post ricevo tuj plenumas: Hendriko Maŝin organisto, Třebivlice N-ro 90, apud Lovosic, Ĉeĥoslovakujo.

**Korespondado.** Seriozan korespondadon kaj interŝanĝon plej bone vi gajnos aliĝante al kvaronjara Tutmonda Interŝanĝa Adresaro. Břevnov 514, Ĉeĥoslov. Por 10 varbiloj „La Progreso" senpage.

**Ofico.** Alfred Fuchs en Winterberg, Bahnhofstrasse N-ro 157 (Sud-Bohemio, Ĉeĥoslovakio), 29-jara fraŭlo, membro de UEA, absolvinto de burĝlernejo, de dujara kurso por komercistoj kaj kurso por librotenistoj, lerta stenografisto kaj maŝinskribisto, parolanta germane, esperante kaj parte ankaŭ ĉeĥe, funkciinta jam praktike kiel librotenisto, komerca korespondisto, ekspedisto kaj negocestro, tute memstara kaj fidinda laboranto, serĉas konvenan postenon. Karaj gesamideanoj, bonvole havigu al li postenon, ĉar li devas zorgi ankaŭ por siaj tute malriĉaj gepatroj.

**Poŝtmarkoj.** Sendu malsimilaj PM de ekstereŭropo kaj sekvante vi ricevos la plej artajn PI de Francujo. Emy 8 Rue Verjus, Suresnes, Francujo.

**Poŝtkartvesperon** aranĝos la Esperanto-grupo „Obstine Antaŭen" en Euskirchen (Germanujo) en januaro. Respondpoŝtkarton garantias: E. Kind, telegrafa inspektoro, delegito de UEA, Euskirchen, Germanujo.

**Poŝtmarkkolektanto.** Mi interŝanĝas PM 500—1000 pecojn nur uzitajn de nia ŝtato kĉl. František Vondra, 161 Dol., Německý Brod, Ĉeĥoslovakio.

**Reprezentado.** Harry Gregory, St. Georgen (Germanio, Schwarzwald), peras kontraŭ modera pago reprezentojn kaj aĉetfontojn ĉiaspecajn. Tradukojn.

**Stenografio.** Petu la skriban kurson „Stenografio por esperantistoj" de B. P. Roubos, Noordendijk 90, Dordrecht (Nederlando). Al petantoj li sendas senpage la unuan lecionon kun bezonaj informoj. Por tiuj, kiuj sukcese respondos la postulojn por la praktika uzado, sekvos, post la oka leciono, diplomo A.

**Violinmuzikistoj.** Mi deziras interŝanĝi muziknotojn kaj korespondadi kun muzikemaj samideanoj ĉiulandaj pri seriozaj temoj muzikaj. Respondo certa. Josefo Israelowicz, Kr. Jadwigi 16, Dabrowa Gór, Polujo.

# Aliĝu kiel Subtenanto,




# kiu siavice donas belegan




# UZU ALDONITAN ALIĜILON!

# vi helpos al via Asocio

Fundamento de Esperanto

Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto

Universala Vortaro

Oficiala Klasika Libro de Esperanto

Fundamenta Gramatiko

# premion al ĉiu Subtenanto!

Heroldo de Esperanto

Ĉu vi deziras senpage restadi en Genève?

Nia granda Konkurso.

La Galerio de Zamenhofoj.

## UZU ALDONITAN ALIĜILON!

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N